# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

N-ro 486 (6)
Aŭg. — Dec. 1940

XXXVI-a jaro
Aŭg. — Dec. 1940

## Granda karaktero

Kiel fulmo el ĉielo serena trafis nin lundon, la 21-an de oktobro la sciigo pri la forpaso de Eduard Stettler. Nenio supozigis tian tiom fruan finon; dekon da tagoj antaŭe, li skribis al mi detalan leteron pri internaj aferoj de UEA kaj ĉe la fino nur, aludo, kvazaŭ senkulpigo pro ne pli frua informo, „mia laborpovo ne estas plu la sama, mi maljuniĝas“.

Eduard Stettler, la kunulo de Hector Hodler, la dioskuroj en la unua tempo de UEA, formis la Asocion laŭ siaj ideoj. Se Hodler formis la spiriton, tiam Stettler fortigis la korpon de l'organizaĵo, doninte al ĝi tiun ĉi aspekton seriozan, solidan, surteran.

Klarvida juristo, li tuj ekkonis la malfortan flankon de la organizaj provoj en nia movado. Firma konstitucio, kun bone egalbalancitaj




la frukto de lia ekkono. Kaj en tre rajtoj kaj devoj de l'membroj, estis grava momento, malfeliĉe ne bone konprenita de multaj erarigitaj samideanoj, savis la aferon ĉefe la neatakeblaj reguloj de l'konstitucio, tiu ĉi mem rezulto de longaj diskutoj kaj saĝaj kompromisoj.

Kompatema amiko foriris! Kiom ofte ni havis okazon nin turni al li petante konsilon. La domo „Bundesgasse 16,“ en Bern, estis dum kvaronjarcento la punkto de nia rigardo. En malfacilaj momentoj (kaj ili ne mankis), nia unua demando estis: „Kion diros Sinjoro Stettler“.

Kun li finas ĉapitro de nia Asocio. Neklara aspektas la estonteco por ĉiuj.

Venos periodo de rekonstruo, ankaŭ por nia movado. La nova ordo kiu ekestos en la mondo donos al la internacia lingvo la vivspacon kiun ĝi rajtas, por la bono de l'Homaro. Tiam en fora tempo, la laboro de Eduard Stettler trovos la rekompencon, kiun li mem ne ĝisvivis.

Adiaŭ kara amiko kaj koran dankon.

23 oktobro, 1940. H. Kürsteiner

---

*Carlyle iam skribis:*

## Ne oro, sed karaktero faras homon

Estis fakte la firma, lojala kaj energia karaktero de Ed. Stettler tio, kio gajnis al li tiom da fido kaj respekto en nia tutmonda movado.

D-ro Zamenhof instinkte sentis kaj sincere admiris tiun altan kvaliton de lia Berna samideano. Kiam ĝi kuniras efektive kun inteligento klara, saĝa sperto kaj animo bona, tiam ni rekonas veran homon kaj volonte laboras sub lia gvidado.

Tiel okazis kun la honora prezidanto de UEA, kiu helpis Hector Hodler fondi siatempe nian Asocion. Kiom ni de longe ŝuldas al lia senco praktika, tion scias ja ĉiuj, kiuj vidis lin prezidi komitatojn, kontroli kontojn aŭ labori senhalte dum tagoj kaj noktoj en organiza centro.

Sub lia senkomplimenta maniero kaj demokrata senceremonieco li kaŝis tre bonan koron kaj private helpis multajn homojn urĝe, malavare kaj silente. En ĉio li rigardis la celon kaj tiu neniam estis li mem, sed utilo al ceteraj. Lia forta volo sukcesis movigi kaj funkciigi tion, kion aliaj bezonas.

La estonteco donu ankoraŭ al nia movado tiajn karakterojn! Dum la Ĝeneva Interŝtata Konferenco pri senarmigo venis iam la filozofo Einstein por aŭskulti la diskutojn. Post kelkaj tagoj li forvojaĝis dirante: „Ne kompetenteco mankas ĉi tie, sed la volo atingi la celon“

Ĉar oni ne havis la sufiĉan volon por starigi justan pacon kaj firman internacian ligon oni lasis la kampon al tiuj, kiuj trovis la volon por militi kaj buĉigi la homojn. Tia sperto devas instrui.

Necesaj estas la voloj por la bono, la grandaj karakteroj pretaj servi konstruajn agadojn por la tuto, ne per unu aŭ alia parto de la homaro super la ceteraj. Tia karaktero estis Ed. Stettler kaj ni danke memoras lian laboron, lian gvidon kaj lian fidelan amikecon.

Edmond Privat

# La helpo al la familio Zamenhof

## Sesa raporto: La helpo ekfunkcias

Depost la lasta raporto ne okazis io speciala. Ni nun atendas la sekvon, kiun donas la usona konsulo al la peto pri vizo por F-ino Lidia. Ĉiu kiu okupiĝas pri la havigo de vizo por enmigranto scias, kiom longa kaj peniga estas la penado. Ni forte esperas, ke dank' al multnombra interveno de usonaj samideanoj, la impreso de la decidanta funkciulo favore influas. La reguloj por la enmigro Usonon, eĉ por nedaŭra restado estas s e v e r a j, rigoraj, iafoje eĉ subtilaj. Kaj nur en tre maloftaj kazoj, unu sur dekmilo, la eniro estas konsentata per suverena decido de la Ŝtatestro. Sekve: ni devas pacienciĝi.

Je la 17-a de Septembro ni ricevis leteron de Sinjoro C. C. Goldsmith, sekretario de la Internacia Esperanto Ligo. Ni ĉerpas el tiu ĉi letero la jenon:

**„Ni volonte helpos al vi translokiĝi la familion, aŭ parton de ĝi, sed ne estas eble doni al vi nun ian definitivan promeson pri la maniero pro la novaj tre rigoraj financaj reguloj. Ni nun havas en speciala kaso L. St. 88, sed ne povas laŭleĝe fari petskribon por permeso sendi ian sumon eksterlanden ĝis ni havos precizan informon, ke la persono kiun ni volas helpi estas ekster landoj sub la kontrolo de Germanujo kaj Italujo. Kiam ni havos tiun informon kun precizaj detaloj, ni tuj petos permeson sendi la monon al la membro de la familio ĉe difinota loko, kaj havas bonan esperon pri sukceso. Ni bedaŭras, ke ni ne povas aranĝi pli rapidan sendon de la mono, sed la reguloj leĝaj malebligas tion. Esperante, ke finfine la afero kontentige aranĝiĝos, kun plej samideanaj salutoj**

**subskr. C. C. G o l d s m i t h**

Al tiu ĉi letero ni respondis la 19-an de Septembro kaj konigis procedon plej konforman al situacio, tiel ke ni gajnu tempon.

---

### Monsendoj

**Acoroj**

S-ro Garcia, Horta. . . . . . l dolaro = 4.30 fr. sv

**Aŭstralio**

S-ro D. Guilbert, Hobart, Tasmanio, 52·30 Fr. sv.; Esperanto Societo de Sydney, 56.05; Esperanto Societo de Melbourne, 44 — Fr. sv. Sume 152·35 Fr. sv.

**Belgujo**

S-ro Oger, Liége, . . . . 25 bfr.

**Britujo**

S-ro Harris, Bath. . . . . . 15 ŝil.

**Bulgarujo**

Anoncita de Rad. K. Triĉkov, ĉefdelegito de UEA, (N... moj sekvos en venonta numero). . . . . Lev. 70

**Estonio**

Esp. fako de UEN: 6 — kaj „Espero" Tallinn 4 — kune 10 — Er. sv.

**Francujo**

S-ino Lanoux, Hyères, Var, (per svisa poŝtĉeko) 100 fr.

**Jugoslavio**

S-ro Antun Mussi, Zelenĉina kod Zagreb 30 Din; S-... Pavao Hideghéthy, Vukovar, 100 — Dinar (laŭ avizo ... la ĉefdelegito de UEA en Beograd)

**Portugalo**

Esperantista grupo Norda Stelo Gelfa. . . 21·95 Fr. s...

**Svedlando**

S-ro Algot Blid Nynäshamn, 5·00, S-ro Ernfrid Malm... gren, Stockholm, kr. 2·75. . . . . . . sume 7·75 k...

**Svislando**

Esp. Societo Zürich (dua pago) 20·00; S-ro H. Duboi... Genève, 5. — S-ino Nilsson, de Malmoe 5.00; S-ro ... Heim, 10. — D-ro Edmond Privat, 10·00 Fr.; S-ino ... Ith, 10. — S-ro Paul Schneider, Thun, 2·00, Svisa Esp... ranto Societo, kolekto okaze de kunveno 40. — Sume . . . . . . . . . . . . . . 102 F...

Je la fino de Oktobro 1940 la tuta sumo kole... tita per la Esperantista Interhelpo atingas 4000 Fra... kojn tute proksime; ekzakta cifero aperos en la fin... raporto pri la kolekto en la proksima numero d... E s p e r a n t o. Tiu ĉi sumo de 4000 frk. ne entena... 1) la sumojn kolektitajn en Usono de sinjoro Dubi... 2) sumojn kolektitajn de IEL. ĉ. 88 L. Sterl. Ĉion kon... siderante, oni povas konkludi, ke la iniciato de ... Esperantista Interhelpo sukcesis kunigi sumon d... rondciferes.

*Sesmil frankoj*

por helpi Familion Zamenhof.
Al ĉiuj samideanoj kiuj bonvolis sendi donacon.

*Koran dankon*

Genève, 15 oktobro 1940.

**Universala Esperanto Asoci...**

**Esperantista Interhelpo**

# Eduard Stettler †

Malaperas unu post la alia la distingaj figuroj de la dua generacio esperantista, la entuziasmuloj aliĝintaj al nia movado inter 1900 kaj 1920. Ŝenkompata sorto senigis nin nun de Eduard Stettler, kiu kun Hector Hodler formis la junan UEA. La Esperantistoj kiuj aliĝis al la movado depost 1919 ja ne povis fari al si bildon pri la tute malsama spiritstato en la movado antaŭe. Tiu ĉi entuziasmo pri grandioza ideo, la konvinko ke Esperanto estas la solvo de la problemo kaj la oferemo ja ne plu vidis ion similan. Estis la tempo, kiam oni vidis en Esperanto potencan ilon por la tutmonda paco kaj ne nur lingvon kiu plifaciligas materiajn rilatojn inter la homoj. Kaj dum tiu ĉi tempo de firma espero, ke per interŝtataj aranĝoj kreiĝos la sekureco, envenis nian movadon nombro da homoj kiuj donis al ĝi sian aspekton superan. La milito 1914—1918 estis disreviĝo frakasa por idealistoj kaj realistoj. Unu esperis je la moralaj fortoj, alia je la materiaj rekvoj ambaŭ sufiĉe fortaj por malebligi katastrofon. Ve, ĝi ne preterpasis kaj ĝi detruis la spiritan kaj materian kapitalon de l'mondo. Multaj bravaj amikoj de nia movado forlasis ĝin parte pro seniluziiĝo parte pro materiaj kondiĉoj ŝanĝitaj. Malmultaj eltenis fidele kaj inter ili troviĝas Eduard Stettler kies forpason ni nun priploras.

Se dum la unua tempo la nomoj de Mudie, Rousseau, Hodler kaj Privat pli forte gravuriĝis en la memoro de la esperantistoj tio klariĝas per la aparta rolo, kiun ludis Stettler. Mudie, lerta kondukanto de manifestacioj publikaj, Rousseau, klara formulanto de la celoj de UEA, Hodler, ideriĉa iniciatinto kaj ĵurnalisto, Privat, la brila oratoro, ilin oni komprenis, oni vidis ilin aŭ oni legis ion de ili. Male pri Eduard Stettler, kiu dediĉis sin al la kunordigo de la elementoj en tiu ĉi vasta organismo kia estis UEA. Lin konis fakte nur la proksimaj kunlaborantoj, la komitato kaj kelkaj ĉefdelegitoj. Liaj verkoj ne ornamas la breton de l'esperantista libroamanto. Sed liaj detalaj ĝisfundaj raportoj, ankoraŭ nun formas fonton de scio kaj de supera kono pri la aferoj organizaj kaj financaj. Konatigi lin al la esperantistaro estas hodiaŭ nia devo. Profunde Stettler malŝatis flatadon kaj honoradon kaj estas signifa, ke nia oficejo eĉ ne posedas lian bildon en la kolekto de fotografaĵoj de l'Biblioteko.

## La deveno

Eduard Stettler apartenis al patricia familio de l'urbo Bern. La familio mem devenas de la vilaĝo Stettlen de la Berna Kantono kaj ekzistas ankoraŭ nun ruinoj de kastelo de tiu ĉi familio. La patro Eugen Stettler estis advokato, la patrino, nask. Zündel mortis tre juna, 25 jaraĝa. La patriciaj familioj de l'Urbo Bern gvidis ĝis la revolucio 1789 la aferojn de la ŝtato kaj al ĉi tiuj regadkapablaj (regimentsfähig laŭ la enlanda lingvo) familioj apartenis tiu de Ed. Stettler. Pluraj anoj el la familio distingiĝis en fremda servo.

Kontinentanoj ofte miras pri la stranga apudeco de estintaj formoj al ekstrema moderneco en Britujo. Tia vivanta tradicio ekzistas en Bern, la kerno de la svisa ŝtato. Sobraj homoj kun tre evoluiĝinta sento por la praktiko, sed kun preskaŭ pia respekto antaŭ la pasinteco propra, tiel sin prezentas la bernano. Tia resto el pasinta vivformo estas la Gildoj aŭ Korporacioj, kio estas la ekvivalento por la vorto Zunft. Ĝis la Franca Revolucio la gildoj kunigintaj la metiistojn en unuiĝo, gvidis la publikajn aferojn. Ĉie ili malaperis kiel politika faktoro kaj nur en Bern ili konserviĝis kun la rolo kaj tasko de interhelpa — bonfara societo burĝa.

Tiu ĉi medio estas io tute aparta, ne trovebla en aliaj urboj svisaj, tute malaperinta ankaŭ en Suda Germanujo. En Zürich konserviĝis la gildoj sed ne en tiom firma formo kiel en Bern.

## La viro

Eduard Stettler ne flatis amason. Tio eble klarigas certajn okazaĵojn en la movado, precipe la maniero, laŭ kiu iuj personoj organizis la forigon de Ed. St. aŭ kiel sin esprimis franca esperantisto, tre aktiva en tiu ĉi afero, de limoger l'UEA.*) Stettler estis homo kun ĝeniga, ja eĉ embarasiga ĝisfundeco. Kiu ne konis lin kaj lian manieron ne sentis sin bone en sia haŭto. Ekstreme korekta en aferoj kaj precizega en detaloj, Stettler malŝatis supraĵecon de l'aliaj kaj kiam temis pri evidentaj fuŝo kaj malzorgo, li ne kaŝis sian malkontentecon inter ĝeneralaj frazoj. Sed kaj tio estas distinga trajto, li ne ĉikanis kaj neniel sentigis superecon lian kontraŭ subulo. La maksimo „Audiatur et altera pars" ne estis nura formulo jura por li, sed esprimo de lia karaktero.

Li naskiĝis 5 Februaro 1880 trairis la gimnazion, universitaton, studis juron en Bern kaj Heidelberg. Li estis ano de la Zofingia, studenta societo, de kiu eliris multaj eminentuloj estontaj en scienca kaj politika vivo. Jam estante studento montriĝis la esencaj trajtoj de Ed. St. Minacis disiĝo. Lia supera kapablo trovis konvenan bazon por ke restu la unueco de la societo.

Materie sendependa, Stettler ne dediĉis sin al profesio por gajni monon. Li dediĉis sian vivon al pluraj movadoj, inter ili al Esperanto kaj la abstinenteco. Pli malfrue li fariĝis tre aktiva en la gildo, kie depost 1923 li okupis la oficon de ĉefo aŭ kiel diras la enlanda vorto kiel Obmann. Menciate estu nur flanke ke dum naŭ jaroj li direktis la aferojn de loka

*) Dum milito 1914—1918 la Franca Registaro sendis generalojn ne plu ĝuintaj la fidon al urbo Limoges. De tio kreiĝis la esprimo „limoger" t. e. sendi al Limoges, (senpovigi)

muziko de la Metallharmonie. Pasia aŭtomobilisto, li lernis ne nur sidi ĉe la direktilo, sed profunde konis mekanismon kaj povis labori kiel profesiulo. Kiel Esperantisto li defendis la tezon, ke lernante internacian lingvon, oni bone konu la sian. Li ankaŭ partoprenis la Societon por la Germana lingvo en Svislando kaj estis humorplena kritikanto de la stranga miksaĵo lingva, uzata en Bern. Ne edziĝinte, lia tuta tempo apartenis al laborado por aliaj kaj la domo en la Bundesgasse 16 estis celo de multaj, tre multaj, kiuj bezonis konsilon kaj. . . helpon.

## La Esperantisto

Ed. Stettler aliĝis al nia movado en la jaro 1908. Li partoprenis kurson de Sinjoro Jakob Schmid, veterano de nia afero en Bern. Entuziasmigita li sin ĵetis por tiel diri en la faŭkon de l' lupo kaj iris Ĝenevon por helpi Hodler' on, kiu en jaro 1908 efektivigis deziron ĝeneralan, fondinte kun Théophile Rousseau kaj Alphonse Carles, la Universalan Esperanto-Asocion.

Tie ĉi en Ĝenevo, en modesta oficejo kun instalo pli ol elementa (por ne diri primitiva) la du viroj realigis ideojn, kiuj kristaliĝis en la multaj servoj de UEA. Stettler mem priskribis tiun ĉi epokon (1909 kaj 1910) jene:

„La supron de la gloro de tiu organiza periodo UEA atingis dum somero 1909. Ne malpli ol ok memstaraj fakoj gvidataj el diversaj lokoj. Administrado: Hodler, Genève: Financoj: Rousseau, Beaune; Konsuloj: Carles, Béziers; Oficejoj: Blaise, London; Turismo: Schmid, Bern: Komerco kaj Industrio: Kandt, Bromberg; Junuloj: Rockmann, Magdeburg; Aerveturado: Roy, Moresnet-Neutre. Plie troviĝas en la listo: Alta Konsilantaro, je kvin membroj; Jura konsilantaro, kun trimembra komitato kaj naŭ vicprezidantoj; la diversspecaj Delegitoj, Konsuloj ktp. Oni havis insignojn, oficialan leterpaperon, belajn kontojn por ĉiu Delegito laŭ spesmila sistemo, membrokartojn konforme al numerigado de la bibliografia Instituto en Bruselo, kion vi volas plu?

Por tia entreprenego dekduo da oficistoj estus ĝuste sufiĉintaj. Kion mi trovis alveninte en Ĝenevo por helpi Hodler'on? Ĉambro keston malgrandan, je ordo kaj pureco en miaj okuloj dubaj, kun kelkaj krudaj abiaj tabloj kaj bretaro laŭlonge de unu muro. Ĉe la fenestro Hodler; unu oficisto rusa, inteligenta kaj malordema; en la malantaŭa fundo du pliaj samideanoj' ne forigeblaj eternaj vizitantoj, kiuj per ĉiama babilado supozeble kredis inspiri la oficejon. La unua tasko al mi donita, skribi titolojn sur kovertoj, ne tro rilatis al miaj faritaj universitataj studoj, sed baldaŭ poste, kiam Hodler forvojaĝis al la kongreso en Barcelono, li honorigis min je sia konfido, transdonante la intertempan „estradon" de la oficejo kaj — la kason. Estis lada kesteto kun aro da arĝenteroj kaj koncerna libreto kun notoj pli bonintencaj ol uzeblaj. Kelkajn monatojn poste, en Rue de la Bourse, la oficejo jam aspektis pli oficeje, dank'al skribmaŝino, malnovaj mebloj donacitaj kaj novaj bretaroj ne — pentritaj. La malfermo konsistis en plenkora ridego pri komerc-vojaĝisto nin honoriganta je sia vizito la unuan tagon: la malfeliĉulo tiom serioze kaj elokvente rekomendis ferajn monŝrankojn en ĉiuj grandoj, garantiitaj per atestoj de dankoj, ke li ne ekkomprenis nian ĝojon".

En tiuj kelkaj linioj Ed. St. trafe skizis UEA en la infanaĝo. Montego da korespondaĵoj, malordema publiko, sekve temporabaj organizformoj, neniam proporciaj laŭefike al la peno donita. Kaj li ekagis Sisteme kaj persiste li forigis ĉion kio ne taŭgis, de la babilemaj vizitantoj ĝis malpraktikaj aranĝoj. La teorie belegan dividon en laborfakoj kun fakestroj en malsamaj lokoj, oni enterigis. Komitato centra kun precize fiksitaj kompetentecoj prenis la ĝeneralan gvidon de la Asocio en manon. Kaj la Centra Oficejo en Ĝenevo fariĝis la firma punkto en la kunpuŝiĝo de deziroj kaj eblecoj.

Organizi, kalkuli raporti, estis la ĉefa okupoj de Ed. St. Atestas pri tiu ĉi agado la sennombraj leteroj al Hodler kaj al Hans Jakob. Konfirmas ĝin la presitaj raportoj depost la unua kongreso de UEA en Augsburg 1910 ĝis la Statuto de 1933, (tiu ĉi provo kunigi malsamajn elementojn). Dokumentas fine lian agadon la multaj principaj ŝanĝoj en UEA, neniam poste forlasitaj kaj transprenitaj de aliaj. Mi citu: Senpaga jarlibro kontraŭ deca kotizo; Garantia Kapitalo formita de atestoj kontraŭ dumviva membreco: regula informado pri agado al komitato kaj al la membraro.

En ĉio ni konstatas saĝan uzon de fortoj kaj rimedoj, neniaj brilaj projektoj prezentitaj kun belaj frazoj, sed sobra sinlimigo je la atingeblaĵo nuntempa. Neniel li malakceptis ideojn de aliaj, se li konstatis taŭgecon. Pacience li povis aŭskulti vortojn de aliuloj, ŝelante el ofte konfuze prezentitaj ideoj, la bonan kernon.

Oni ne povas paroli pri Ed. St., ne menciante la ruĝan fadenon de la Esperanto movado, nome la organizon. Se iu estis efektive kompetenta en la materio, tiam estis li. Frue li komprenis, ke al tia movado, kies eroj dependas de tiom da faktoroj aferaj kaj personaj bezonas firman leĝaron. Kaj tiu ĉi leĝaro, la statuto sin apogu je Civila Leĝaro de lando libereca kaj. . . societema. Simile kiel nia lingvo bazas sur Fundamento, angulŝtono de la konstruaĵo sur kiu evoluiĝu ĉio venonta, Ed. St., fiksis statute rajtojn kaj devojn de la organoj kaj de la membroj de l'Asocio.

„Por ke ia regno estus forta kaj povu sane disvolviĝadi, estas necese, ke ĉiu regnano sciu, ke li neniam dependos de la kapricoj de tiu aŭ alia persono, sed devas obei ĉiam nur klarajn, tute difinitajn fundamentajn leĝojn de sia lando, kiuj estas egale devigaj por la regantoj kaj regatoj kaj en kiuj neniu havas la rajton fari arbitre laŭ persona bontrovo ian ŝanĝon aŭ aldonon."

Ĉi tiuj vortoj de D-ro Zamenhof en la Antaŭparolo al la Fundamento de Esperanto idee valoras por ĉia societa agado. Nu, la tuta vivo de Ed. St., estis skrupula respekto de la skribita rajto. Kaj se iu eminentulo de la movado opiniis bone, moki pri juristo, rajdanto de paragrafoj, tiam la tempo kaj okazintaĵoj lin jam malpravigis. Sed en epoko kiu abundas je diktat(imitat)oroj, viro kiel Stettler, la pursanga demokrato laŭ svisa maniero, ne povis plaĉi. Diktatoreco devigas, demokrateco serĉas konvinkigi.

Agrablaj estis la momentoj kun Ed. St. laboranta. Fervorega malŝatanto de ĉia alkoholaĵo, li same fervore ŝatis la tabakon. Ĉiam mi vidas antaŭ mi Hodler'on kun sia kapo de Kristo suferanta pro la tabaknuboj en la oficejo. Kiom ofte mi devis admoni Stett-

sler'on, tute absorbita en la laboro, ke pasis tagmezo. Feliĉe por li, ke hejme en sia komforta domo, Sinjorino Martha Zündel atentis pri li. Alie li estus elĉerpinta jam pli frue forton kaj humoron.

Iam, sub pli bonaj cirkonstancoj, kompetenta kunvivinto priskribos la vivon de Ed. Stettler. Lia kariero en la movado sekvis sin ĉefe en internacia kampo. En la svisa movado, li plurfoje partoprenis la Komitaton de la Svisa societo kaj prezidis dum kelkaj jaroj. Komence li tre interesiĝis pri la Biblioteko de la Svisa Societo kiun li aranĝis kune kun filo de samideano Jakob Schmid. Tiu ĉi societa Biblioteko kun tiutempe ekzakte 898 numeroj transiris al S-ro Hodler, kiu ĝin aĉetis de la tiama Svisa Societo (1912) Kaj transprenis ĝian prizorgon la subskribinto, plenuminte en horoj liberaj la klasigadon de la ricevitaj verkoj.

## La civitano

La bildo de Ed. St., ne estus kompleta, ne parolante iom pri lia agado kiel civitano. En la jaro 1923 li estis elektita kiel ĉefo de la gildo. Lia ĉefa okupo estis la financoj, la administrado de la konsiderinda havaĵo de tiu ĉi societo. Kun speciala amo li sin dediĉis al la akcepto de junaj civitanoj en la gildon kaj liaj bonvenparoloj estis veraj majstroverkoj de saĝeco kaj de interna varmo. Ofte mi havis okazon observi lin en Bern okaze de vizito de iu petanto je helpo. Taktoplene li sciis tuŝi delikatajn punktojn en familiaj okazaĵoj kaj oni sentis tuj, ke oni traktas kun homo de koro. Advokato li estis en la vera senco de l'vorto.

Lia alia zorgo apartenis al la helpo al viktimoj de l'alkoholo. Praktika senco kun kompatema sento kuniĝis en li kaj gvidis lian agadon en tiu ĉi kampo. Ie en la kantono Bern troviĝas estinta loĝkastelo vasta kun ampleksa tereno. Tie situas hejmo por rebonigi alkoholulojn kun la signifa vorto Nüchtern (= Sobra) Al tiu branĉo de la nepredikema kontraŭbatalo de socia malbono, Ed. St. dediĉis sin same fervore kiel al aliaj okupoj. Kaj ne kiel bonvola aprobanto: Funde li studis ĉion, neniu grava ero en la maŝino restis al li nekonita.

Dum preskaŭ dek jaroj li gvidis la negocojn de loka muziko en Bern. Kiu tiam vidis lin sin okupi pri uniformoj, pri muzikiloj, pri honorarioj de muzikestroj aŭ Kapellmeister, pri deficito de festoj kaj pri egaligo de disputo., povus kredi ke li estas efektiva profesiulo salajrata. Neniam mi forgesis kiam okazis urba kolekto favore de tiu ĉi muziko. Humorplena Stettler, ne verkis tekston de cirkulero por almozpeti, tute ne. Poeziaĵon li rimis pri kio ni ĉiuj havis multan plezuron kaj kiu sukcesigis la kolekton. Lia devizo estis „kunigu la agrablon kun la utilo."

Malavare kaj silente Ed. St. donis. Foje li diris al mi kiam mi aludis lian helpon al petinto, „mi donas al tiu ĉi ĉar li ne estas en sama situacio kiel mi".

## La fino

Post sesdekunu jaro estingiĝis tiu ĉi riĉa vivo. Dum pasinta Aŭgusto mi vidis lin sur Monto Pélérin super Vevey, kie li pasigis libertempon. Kaj impresis min jam tiam la ŝanĝita aspekto, la peno por spiri. Ni diskutis dum tuta tago la aferojn de UEA kaj vespere ni disiĝis. Estis la lasta fojo, ke mi parolis al li.

Unu semajnon antaŭ sia morto, li skribis leteron kvarpaĝan al Sinjoro Kürsteiner kaj al mi kun resuma raporto financa pri la havaĵo de UEA. Estis lia lasta letero al ni.

Fine de lia letero li senkulpiĝis pri silento al iuj aferetoj kaj li rimarkis „mia laborforto malpliiĝas, senkulpigu la prokraston."

Kaj jen venis la telefona sciigo, Stettler grave malsana, Stettler mortis. Estis la 21-a de Oktobro, je la oka matene.

La cindrigo okazis la 23-an de Oktobro. Ĉeestis granda nombro de personoj amikoj, konatuloj, zorgatoj. Laŭ interkonsento kun la familio de l'mortinto, parolis ĉe la tombo la pastro kaj la reprezentanto de la Gildo. Eksonis de la orgeno la Largo de Händel, meditigante al ĉio efemera. Kaj skizis la vivon de l'mortinto, Pastro Prof. Schaedelin kiu mem bone konis lin. Majstre li vivigis antaŭ ni tiun kiu ne plu estas. Kvazaŭ mem Esperantisto, li citis per bonegaj vortoj la agadon de Ed. St. por la movado de la internacia lingvo, kaj liajn aliajn okupojn humanecajn. Kaj dankis al tiuj kiuj plifaciligis al li la lastajn momentojn, la tri tagojn de batalo inter vivo kaj morto, ĉefe al la fidela domzorgantino, Fraŭlino Rosa Stöckli, kiun memoras multaj vizitintoj en la gastama domo Stettler'a.

Denove orgeno. Kaj findankis la mortinton la parolinto de la gildo. Oni sentis, ke parolas proksimulo, homo ligita per komuna laboro por la bono de l'afero al la forpasinto. Viron kiel lin oni anstataŭos, sed neniam plene kompensos.

La muzikistaro de la Metallharmonie honoris la estintan Direktoron; kortuŝa estis tiu ĉi adiaŭo.

Alproksimiĝas la lasta akto. Apud la riĉe ornamita katafalko staris la delegacio de la studentoj. La parolanto, per kelkaj vortoj deponis sur la ĉerko la rubandon kaj la studentan ĉapon. Kaj kvazaŭ simbolo: Tuŝante la florkronon de UEA, defalis nombro de florfolioj.

„Kio estis tera forpasas, restas la spirito, ni transdonu al la puriganta flamo tio kio estis tera, kaj ni preĝu por tiu kiu estis kara al ni", tiel la pastro finis la ceremonion.

* * *

La Esperantistoj de Bern avertitaj per loka gazeto kaj per informo de UEA ĉeestis la funebran ceremonion. Partoprenis senditoj de la Svisa Societo, de la lokaj bernaj grupoj kaj la Estraro de UEA.

Antaŭ disiri oni honoris la ripozejon de du civitanoj, estinta Federala Konsilanto Giuseppe Motta kaj Doktoro Ed. Spielmann, la fervora batalinto por nia ideo. Nia dankema memoro al la mortintoj.

Hans Jakob

Georges Agricola:

# Transsilvanio

Unu milit-jaro sufiĉis por forviŝi la lastajn restaĵojn de l' „Diktat' oj" de Versailles kaj de Trianon. Aliaj diktatoj anstataŭis ilin. Ree triumfis la forta mano, prudento kaj saĝa antaŭvido silentis antaŭ la bruo de l' propagando.

Nefacile estas formi al si justan juĝon pri la lastaj teritoriŝanĝoj sur Balkano, kies viktimo fariĝis la grandrumana pretendo, profitinta el la katastrofoj rusa kaj hungara en 1918. Pli ol unu triono de ĝia surfaco de 295.000 kv. km., kaj iom malpli de ĝia loĝantaro de 18 milionoj ŝanĝis ŝtatan apartenon. Besarabio kaj parto de Bukovino falis en sovjetan manon, kiel matura frukto de l' arbo. Bulgario rericevis la sudan Dobruĝon, kiun ĝi devis cedi en 1913. Plej sekvohava fariĝis la reguligo de konflikto inter Rumanio kaj Hungarlando sub bonvola premo de l' aksopotencoj. Objekto de efektive Salomona juĝo, la divido de l' infano, fariĝis Transsilvanio, tutajo ekonomia kaj historia, iama princlando, de 1866 unuigita ŝtatjure kun la Landoj de l' krono de Sankta Stefano.

*

Trans la Arbaro nomiĝas tiu ĉi lando, kreita ĉiudirekte por esti Balkana Svislando. Transsilvanio, mezepoka latinaĵo, Erdélyország hungare kaj Ardealu rumane esprimas la samon. La germana Siebenbürgen kaj la ĉeha Sedmihradsko plej versimile volas diri „Kastelo ĉe Sibin" rivereto Sibin aŭ Cibin kaj ne (lando de l') Sep kasteloj.

Rumanoj (valaĥoj) hungaroj, (sekleroj), germanoj (saksoj) formas la kernon de l' loĝantaro. Estroj efektivaj estis la hungaroj, ŝtate kaj nacie pli frue firmiĝintaj ol la rumanoj. La hungara pretendo sur tiu ĉi lando baziĝas sur historiaj faktoj kaj sur la nedubebla defendo de l' lando kontraŭ turka invado. La malplenan landon koloniigis hungaraj princoj, transigintе tien valaĥajn (rumanajn) kamparanojn. Jam en 12-a jarcento venis germanaj koloniistoj „kiel gastoj", vokitaj de l' reĝo Geisa=Géza II-a. Ĉi tiuj germanoj la „Saksoj de Siebenbürgen" konservis sian nacian karakteron kaj plej energie rezistis al ĉiaj provoj hungarigi ilin. Ili centriĝis en urboj Mediaŝ, Mühlebach (Szász — Sebes), Hermannstadt (Nagyszeben, Sibiu), Schässburg (Segesvár, Sigisoara), Klausenburg (Kolozsvar, Cluj,) Kronstadt (Brassó, Brasov), Bistritz (Beszterece, Bistrita.)

*

La rumana pretendo je posedo de la lando baziĝas sur la konvinko, esti la posteuloj de l' Dakoromanoj, plej fruaj loĝantoj, la dua argumento estas, ke ili, la rumanoj grandparte prilaboris la teron. Kaj al tiu ĉi defendargumanto aliĝis la saksoj, decidintaj libere en 1918 la aliĝon al Rumanio. Ili kontraŭstaris, reveni sub hungara regado, kion la nuna reguligo devis atenti. Nek unu, nek alia povis cedi, sekve la natura kaj la preskaŭ miljara unueco estis detruita. Kiom da konfliktoj nevideblaj estiĝas el tio, nenia statistiko kaj nenia propaganda pamfleto senvualigas.

Ĝojas hodiaŭ la hungaroj. La vundo de 1918, ja neniam forgesiĝis. Nem, nem soha t. e. „ne, ne, neniam" la hungara gvidvorto en la lukto por revizio de Triarona flikverko triumfis. Lerta propagando por pravigi pretendon propran pruviĝis. La Hungara Reĝlando malgrandiĝis siatempe je 72 %. La surfaco ĝis Trianon estis 325.000 kv. km. poste 93.000. Kompare al la aliaj venkitoj en 1918, Hungarlando suferis plej multe!

Tiu ĉi dismembrigo en 1918 bazis materie sur la venko de l' Entente, morale sur la aserto je kulpeco hungara en la milito. La historia vero nun estas, ke la hungaraj estroj en 1914 neniel emis sin jeti en aventuron. Grafo Stefano Tisza, hungara ĉefministro energie kontraŭstaris troan severecon kontraŭ Serbio.

La komplika ŝtatjura formo de l' estinta Aŭstri-Hungara Monarkio sufokis voĉon de prudento de l' klarvida grafo hungara. Por pravigi la dismembrigon de l' Hungara Reĝlando servis ĉefe la „memdecidrajto de la nacioj" alvokita de kroatoj, serboj, rumanoj, rutenoj, saksoj, ŝvaboj.

Profunda malamo kreiĝis kontraŭ hungaroj pro la sistema hungarigo de l' gentoj, kiuj okupis la vivspacon de l' Hungara Reĝlando. La verkinto ofte konstatis, tiun ĉi neforgeseblan antagonismon por kiu mankas komparo. Tipa estas jena sperto. Promeninte en jaro 1913 sur Pont du Mont-Blanc en Ĝenevo kun hungara esperantisto, portanto de nomo plej brila en Hungara historio kaj de Transsilvanio ni tuŝis la problemon de l' naciaj malplimultoj, interalie tiun de l' slovakoj kaj rumanoj.

La argumentoj de l'hungaro pri tiu ĉi situacio, ĉefe pri la hungarigo de naciaj malplimultoj, estis tiaj, ke oni ne povas ripeti ilin. Pruvo kiom akra estas antagonismo inter tielnomata ŝtatpopolo kaj alinaciaj gentoj. Li videble impresiĝis pro miaj rimarkoj pri elementaj rajtoj de gentoj kaj pri la devo de la ŝtata gvido, ebligi al ĉiuj vivi laŭ propra volo.

Eksterulo ne povas kompreni tian situacion. Oni konatiĝas kun tiom da amindaj pruvoj de l' hungara kapablo en arto, muziko kaj scienco, ke oni devas miri pri la eksterordinara fekundeco de genioj kaj talentoj de dekmiliona gento. Kiu ne tuj pensas al reprezentantoj de l' hungara genio en nia movado: Baghy, Cseh, Kalocsay por citi nur ĉi tiujn tri stelojn? La hungara lukto por revizio de Trianon trovis terenon favoran en multaj landoj precipe en Britujo, kie Lord Rothermere la estro de l' gazeto „Daily Mail" pledis plej potence por postuloj hungaraj.

*

Post dolora sperto mildiĝas animo. Apartenas nun al la hungara ŝtatgvido respekti tion, kion ĝi mem postulis por propra popolo. Kion ci ne ŝatas, ke oni faru al ci, ne faru al cia proksimulo.

Tiu ĉi solvo kiu kontentigas neniun, turnas denove la atenton al landoj kun multnacia loĝantaro. La ideo interŝanĝi popolerojn ne estas aplikebla ĉie. Ekzemple la saksoj en Transsilvanio neniam volus forlasi landon akiritan korpe kaj anime. Tia interŝanĝo eblas nur, se regas proksimume samaj kondiĉoj inter la interŝanĝantaj regnoj. Ludas rolon ankaŭ la nombro.

La hodiaŭ utopia solvo estus la konfederiĝo. Efektive antaŭ jaroj oni serioze diskutis konfederiĝon de la du landoj, bela teorie, praktike ne efektivigebla. La Balkana Interkonsento (Entente Balkanique) celis ion similan, sed estis efektive nur kreaĵo por defendi la militgajnon de 1918. Konklude oni povas jam antaŭvidi novajn konfliktojn, eble solvotaj momente per simila diktato.

Transsilvanio posedis elementon de supernacia konfederiĝo: la nomon. Hungaroj (sekleroj), Rumanoj (valaĥoj) Germanoj (saksoj) sentis sin unue anoj de l' lando, la sento de l' genta aparteneco estis de freŝa dato. La svisa konfederiĝo evoluis tiun ĉi elementon ĝis alta grado. Ne decidu supereco laŭnombra de unu popolero, sed libera decidpovo de ĉiuj, garantianta evoluon de ĉiu gento laŭ propra volo. Komplike elpensitaj leĝoj pri protekto de malplimultoj estas solvoj de embaraso.

# La Esperanto Movado en la uragano

La fera kalkanumo de la milito ŝajne detruis nian movadon. Estas evidente, ke en landoj okupitaj de fremda armeo ĉia agado societa por nia afero estas neebla. Tio signifas praktike, ke de la sovjeta limo ĝis la Norda Maro kaj la Atlantika Oceano, nia movado devige dormas. Lastaj citadeloj estas en la nordo Svedlando en la Centro Svislando kaj en la sudo Portugalujo. La movado vivetas en Hungarlando, Jugoslavio, Bulgario por citi la ĉefajn landojn balkanajn. La hungaraj esperantistoj kunvenis en kongreso dum pentekosto, la sola landa kunveno okazinta sur Balkana duoninsulo.*) Nenia informo venis de Britujo, depost julio, la poŝtservo estas mezepoka, sep semajnoj ĝis sendaĵoj atingas Svislandon. La militaj okazintaĵoj estras la tutan atenton.

El Nederlando ni sciiĝis, ke ie kunvenas samideanoj. Bonfartas samideanoj Isbrücker, Cseh, Teo Jung, Telling k. a. pri kiuj ni ricevis informojn. La korespondado en Esperanto ne estas haltigata, ni ricevas regule korespondaĵojn el Nederlando en nia lingvo. De Danlando kaj Norvegio nenion ni sciiĝis. Ni provis sendi nian gazeton al Danlando kies situacio estas malsama al tiu de Norvegio. Ni ne scias ĉu ĝi atingis la adresatojn.

De Hispanujo venas kelkfoje timema korespondaĵo en Esperanto de malnovaj amikoj fidelaj. Ni provas atingi ilin sendante ekzempleron de tiu ĉi numero al aro da nomoj zorge elektitaj. Aro da samideanoj forkuris al eksterlando, iuj troviĝas en Suda Ameriko, speciale en Meksikio.

En aparta situacio troviĝas Francujo. La okupacio etendiĝas sur 2/3 de la lando kaj poŝtrilatoj ne plu eblas depost la 17-a de Julio. Multaj samideanoj ŝanĝis loĝlokon aliaj vane serĉas kontaktiĝi kun parencoj en alia parto de Francujo.

Plendinda sorto falis sur esp. rifuĝintoj surprizitaj de la militokazintaĵoj kaj ne povintaj saviĝi alien. Mankas informoj pri eldonisto de Literatura Mondo, Vilmos Bleier, vivinta en Parizo. Spite al ĉio, la peza vivo kaj la malcerta estonteco, denove moviĝas fortoj en ne okupita Francujo, pruvante ke la flamo ne estingiĝis, nur malfortiĝis.

De Ameriko venas informoj gutsimile. Suda Ameriko komplete silentas. La samon oni povas diri pri ceteraj mondpartoj, kiuj, juĝante laŭ la trafikrapideco nuna, troviĝas en la senlima universo, sed ne sur la tero.

Malgraŭ ĉiuj malhelpoj, UEA daŭrigas labori internacie. La Servo de perado, pro rigoraj mezuroj de interesitaj landoj laŭgrade ĉesiĝis, sed alflugis multaj petoj de esperantistaj viktimoj. Tiel UEA en modesta kadro konsilas, konsolas kaj kuraĝigas amikojn en malfeliĉo. Esperanto vivas, nun kaj ĉiam.

*) En Loveĉ okazis 27-a kongreso de BEA, pri kiu estas sciigu en la antaŭa № de Esperanto.

# Tra la gazetaro

エスペラント

LA REVUO ORIENTA

Atingis nin la deka numero, (oktobra) de tiu ĉi revuo, regule aperanta. La ĉefartikolo en japana lingvo (kaj skribo) estas titolita Adiaŭ al IEL. En serio de artikoloj, Profesoro Hamada evoluas la estiĝon de la civilizo, kaj inter Novaĵoj ni trovas tradukon de la Deklaro de l'japana ĉefministro pri nova strukturo. Noveletoj kaj ĝeneralaj informoj kompletigas la 40 paĝan kajeron.

9-a jaro Marto — Aprilo 1940 N-ro 50

SCIENCA GAZETO

Sub „La lasta jarkolekto“ la eldoninto diras:

Ni cerbumadis kaj kalkuladis dum kelkaj monatoj (precipe dum sendormaj horoj noktaj) sed ne povis trovi alian solvon de niaj malfacilaĵoj ol la sekvanta: Scienca Gazeto devos ĉesi aperi je la fino de la nuna jaro. Reprezentantoj ne plu varbu abonantojn. Ni tamen vendos la jam eldonitajn jarkolektojn. Ni eldonadis la gazeton dum naŭ jaroj, je malprofito de pli ol 3000 dolaroj, pensante, ke la esperantistoj fine rekonos la propagandan kaj kulturan valoron de popolscienca revuo. Sed ni eraris.

Al la malmultaj kunlaborantoj kaj fidelaj abonantoj, inter kiuj kelkaj abonis de la unua numero gis nin, ni plej sincere dankas.

La Administracio

Tiu ĉi nu... enhavas interalie legindan studon de F. V. Lorenz pri la vorto Kapo en multaj lingvoj.

tempo

Tiu ĉi gazeto regule aperas, sed atingas foran Eŭropon nur post kelkmonata vojaĝo. La lasta numero ricevita estas tiu de 25-a de Aprilo el kiu niĉerpas la jeno n: (Hindoj ekagas kontraŭ Britio)

„Dum pasintaj du centjaroj la hindoj ne vivis homan

(daŭrigas sur pĝ 9)

Francis de Miomandre

# La malnova apoteko

Sinjoro Dorlet ne ŝatis progreson. Tio ne devenis de malbona volo kaj ankoraŭ malpli la bezono distingiĝi per originaleco, kiel tio ja okazas ofte. Ne. Ĝi estis nur la plej simpla kaj plej natura esprimo de lia esteco. Li amis la estintecon kaj ĝiajn objektojn, ĉar li trovis ilin praktikaj kaj agrablaj, multe pli praktikaj kaj agrablaj ol la nunaj, kiuj sub la preteksto, faciligi la vivon al ni, komplikigas ĝin kontraŭe en plej malica kaj neatendita maniero.

„Rigardu ekzemple mian apotekon," li kutimas diri. „Mi restis fidela al la sistemo de la receptoj kaj trovis dank' al dio, en nia bona urbo Brétigny sur-Sèvre kelkajn kuracistojn, kiuj komprenas min kaj kiuj penadas skribi receptojn. Tiel ke mi miaflanke povis klopodi por ilin kombini. Sed tiu ĉi peno estis verdire plezuro, komparita al la devigo, trovi el la sepmil specialaĵoj nun vendeblaj, la ĝustan. Kaj tiel plu. . ."

„Kaj tiel plu," tio signifas, ke Sinjoro Dorlet en sia privata vivo estis same malfidema kontraŭ ĉiu ilo de l' progreso kia ajn ĝi estis. Li ne posedis radioaparaton, nek gramofonon, li restis fidela al la gazlumo. La meblaro, kiu devenis el lia juneco, aŭ pli ĝuste el la juneco de liaj gepatroj apartenis al tiu ĉi plej pura stilo, nomita „polvo-kapta", kiu floris tiom abunde en la jaro de l' graco 1875 kaj kiu kaŭzis al li la viziton de kelkaj antikvaĵistoj, kiuj rigardis senkulpe tiun ĉi aĵaron fariĝanta historia. Sed li rifuzis kolere oferton. „Mi naskiĝis inter ĉi-tiuj mebloj kaj intencas ankaŭ morti inter ili. Forlasu tiun ĉi domon, sinjoroj."

Ankaŭ al tiuj, kiuj deziris akiri la malnovajn vazojn apotekajn, li rezistis. Ili estis belegaj, ĉi tiuj potoj el la plej bela tempo de, l' 17-a jarcento. Li ilin amis fidele, kiel la malnovan oran pistujon, kverkan skribotablon, memorigante al sanktula skrino (ŝranko), la grekan ĉapon kaj lian profesian honoron. Kaj li verdire ne malpravis, ĉar kiam li, sesdekjar-aĝa vendis sian apotekon li ricevis pro la beleco de l' instalo tiom altan prezon, ke li, kunkalkulante ŝparaĵon, posedis du milionojn da frankoj.

Komence li estis tute konfuza kaj li decidis nun ankaŭ iom ĝui la vivon. Unue mondvojaĝo. . . . Pro sia malfido al ĉio mekanika, li vojaĝis tre malrapide kiom eble plej malrapide kaj ne uzis de aeroplanon. Li restadis en nombro da malgrandaj urboj, veraj nestoj, ne troveblaj en kia ajn gvidlibro de l' mondo. Mallonge: li sukcesis plilongigi la plezuron dum du jaroj. Sed fine li tamen devis reveni. Kaj nun devenu kie li fiksiĝis ! Nu, ne en Granada, ne en Parizo, nek en Florenco, ankoraŭ malpli en Konstantinoplo, sed en malgranda duetaĝa domo sur la ĉefplaco de Brétigny-sur-Sèvre, precize vidalvide de la apoteko kaj ankaŭ la tuta meblaro de l' gepatroj trovis sian lokon.

Kaj tie ĉi li vivis, same kiel li tion faris la sesdek pasintajn jarojn en la apoteko. Li paŝis sur la samaj tapiŝoj, li vundis sian kruron ĉe la samaj ŝrankoanguloj kaj kiam li serĉis distraĵon li kartludis kun la samaj amikoj de la impostejo kaj de l' tribunalo. Sed lia plej granda plezuro estis rigardi de sia fenestro al la malnova apoteko. Kiom simpatia ĝi situis kun la belaj montrofenestroj. Ĝi estas bela kiel la tradicio, la pasinteco kaj la saĝeco. Kaj nur tro volonte li estus vizitinta ĝin, sub la preteksto fari viziton al siaj posteuloj por revidi la lokon de sia pasinta agado. Sed li ne kuraĝis, ĉar la du junaj personoj (edza paro) kiuj transprenis la apotekon, faris ĉiam kiam li venis, tian rifuzan mienon, ke li rezignis. Kaj pro tio li akiris binoklon por vidi, kio okazis malantaŭ la montrofenestro. Dum horoj li staris enpense, kiel antaŭ bildo, bildo, kiun li estus devinta pendigi en la naturo, anstataŭ en sia loĝejo. . .

Sed iun tagon okazis io terura, kion ceteree ĉiu, escepte nia bona maljunulo, estus povinta antaŭvidi La posteuloj cedis al neatendita favorega oferto kaj vendis malvarmsange la belegajn kolorpentritajn porcelanvazojn. Kaj por la ricevita mono ili plenumis kordeziron kaj transformis la malnovmodan ejon en nikelbrila miksaĵo de „Bar" kaj operaciejo.

Tio estis bato por Sinjoro Dorlet. Li freneziĝis. Tiu ĉi frenezeco havis du fazojn. La unua, mi diru ĝin tuj, estis tre tre akra. Armita per sia ora pistilo li enkuris sian estintan vendejon, staris senmove en la mezon kaj ekridaĉis terure. Kaj tiam li atakis sian posteulon por lin frakasi. Nur kun multege da peno oni sukcesis, forpreni la armilon el la manoj de la furiozulo.

Sinjoro Dorlet restis dum dekok monatoj en la kliniko. Kiam li eliris, pala, malgrasa kaj maigaja oni ne kuraĝis lin alpaŝi. Li fermis la fenestrojn de la domo kaj vivis de nun en la ĉambroj kontraŭ la korto. Kaj li nur uzis du ĉambrojn. Unu en kiu li dormas, sed tre malbone, ĉar lia legaĵo konsistas nur el la studo de la leĝaro, kaj dua ĉambro en kiu li reakiris por altega sumo la malnovan instalon de la apoteko: la vendej—tablon, la pesilon kaj la florkoloritajn florpentritajn vazojn kaj kie li pasigas siajn tagojn preparante pomadojn kaj pesante pulvorojn.

El franca trad: François Hayotte.

## Transsilvanio

Transsilvani', land' benata
Lando de riĉec' kaj fort'
Kun la zono de l' Karpatoj.
Ĉirkaŭ verdaj kampornatoj
Lando de feliĉa sort'.

Transsilvani' marogrundo
De iama akvoflu'
Maro nun ondaro grena
Kies bord' arbaroplena
Kuŝas ĉe ĉiela blu'.

Transsilvani', land' de l' ruboj
De el forta fruepok'
Kies multaj antikvaĵoj
Ja en viaj helpejzaĝoj
Trovas sin ĉe kampa lok'.

Transsilvani', vi lulilo
De popol', miksita ar'
Kun klimat' de ĉiuj zonoj
Kun la kron' de homkolonoj
Ĉe de l' patroland' altar',

Transsilvani', verda templo
Kun de l' montoj alta hor'
Kie piaj de l' popoloj
Sin altlevas la paroloj
Al unika Di' en glor'.

Transsilvani', land de l' paco
Ĉies kred' la risort'
Estu vi en foraj tagoj
Bastion' je noblaj' agoj
Hejmo de libera vort'.

Transsilvani', dolĉa hejmo
Kara nia patroland'
Estu kore salutata;
Ĉirkaŭ via aro frata
Metu sin la pacruband'.

(Saksa himno transsilvana.
Trad. J. Reisinger).

ivon, sed la vivon de sklavoj, pli mizere eĉ ol hundoj ur pro tio, ke la brita ekspluatado ĉirkaŭpremis al ili la orĝon. La hindoj neskiĝis en lando plej benita en la mondo, otita per la plej riĉa trezoro de la naturo. Kaj malgraŭ io, aŭ eble pro tio, ili devis suferi la plej mizeran sorton, iun iam homa popolo suferis, nur por ebligi al la britoj iboĉadi senbride per senkompata ekspluatado. Ĉisignife la hindoj estas (la plej kompetindaj reprezentantoj, kiuj) proetas kia estonteco atendas la kolorhaŭtulojn, se ili ne ekiĝos antaŭ la infera avaro de la blankhaŭtuloj. La brioj tamen sciu, ke ili ne povos unufoje trompi la hindajn opolojn tiel facile, kiel tion ili fieris okaze de la unua ondmilito. Do ni rigardu trankvile kun plena espero al la rila estonteco de la hinda popolo.

*

Ĉio tio ne malhelpas, ke la hindaj ĉefoj sin esprimis or la Brita Imperio, kiu estis en la ĝusta vojo evoluiĝi al omunumo de liberaj popoloj, kunigitaj pro samaj tradiioj, suferoj, spertoj kaj materia intereso. La spekulacio e la Brita Imperio disfalos pro manko de firmaj ligiloj stas sendube tro frua.

# HEROLDO DE ĈINIO

Duonmonata Gazeto Adreso de Redakcio k Administracio: P. O. Box 175, Chungking, Ĉinio

Artikolo „Usono ĉesu helpi Japanion" diras interalie:

En la okuloj de la ĉina popolo, Usono nun preskaŭ fariĝas nigmo. Pro tio ĉi ni maltrankvilas k ne plu povas nin deteni ion iri al niaj usonaj amikoj en plej malkaŝema maniero.

Estas preskaŭ tri jaroj de kiam bruta Japanio komencis vadi Ĉinion. Kiel la insula imperio tiel malriĉa je naturaj rimedoj ovas ĝis nun daŭrigi sian invadon? Ĉu oni povas nei, ke ĝin eblis tion fari la helpo, kiun ĝi ricevas de Usono? Oleo, fero k aliaj rudmaterialoj milite necesaj mankas en Japanio, kiu estas tie mizere dotita de naturo. Ĝi dependas de Usono por tiuj provizaoj. La Japana dependo de Usono pliiĝis laŭgrade post la eksplodo e la milito en Eŭropo k la interrompiĝo de aliaj proviz-fontoj.

Usono estas la iniciatinto de la Naŭ-Potenca Traktato, k ia tuta loĝantaro, de la registaraj gvidantoj ĝis ordinaraj popoanoj, konsideras kiel la sanktan devon de Usono subteni tiun traktaton. Tio ĉi jam fariĝis fakto konata k kredata de la mondo entute. amen, samtempe, ĝi liveras ĝis nun al Japanio la esencajn materialojn, per kiuj Japanio daŭre antaŭeniras kun sia invadmilito n Ĉinio tute rompante tiun traktaton. Tia situacio estas preskaŭ alfacile komprenebla por ni.

Ĉio tio ĉi estas la ombroj kiuj vualas niajn cerbojn jam de reskaŭ tri jaroj, kvankam dum tiu ĉi tuta tempo ni okupas nin er armita rezistado. Ni perpleksiĝis, sed ni neniam senesperiĝis. uttempe ni esperas, ke iam tiuj ombroj malaperos kiel la nebulo ntaŭ la leviĝanta suno. Kompreneble, ni konfesas ke estas Usono em kiu decidos ĉu ĝi daŭrigos aŭ maldaŭrigos doni al Japanio a helpon kiun tiu ĉi lasta ĝis nun ricevas de ĝi, kaj neniu ekterulo povas laŭleĝe interveni. Sed, ĝis nun, Usono estas ankoaŭ vole-nevole la ekonomia aliancano de Japanio. Tio ĉi estas fero kiu rilatas al la sorto de Ĉinio. Sekve, oni ne devas rigardi on kiel miksiĝi en usonan politikon, se ni kuraĝas diri al niaj sonaj amikoj la plej fervoran esperon de la ĉina popolo, kiun ni povas resumi en unu vorton: Ĉesu helpi Japanion!

*

Simpla respondo al supraj linioj estas: Business is Business. a tielnomata simpatio de unu popolo al alia estas ŝanĝebla kiel vetero. Tiom longe ke rabista instinkto regas rilatojn de regno regno, nenia funda ŝanĝo eblas. Nova ordo interŝtata, bazita ur ekvilibro ekonomia devas antaŭiri politikan novordigon.

## SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN LA ESPERO

ORGAN FÖR SVENSKA ESPERANTO-FÖRBUNDET

Sveda Esperanto gazeto, **la Espero** informas en sia Juli — Aŭgusta numero pri la 34 jarkunveno de la Sveda E. Federacio okazinta en Stockholm. Paul Nylén kaj John Lundgren pioniro kaj veterano de la E. movado en Svedlando festis ŝepdekan datrevenon de naskiĝo. Sama gazeto informas, ke Paramount Film Kompanio por la dua fojo uzas Esperanton en filmo Victory. Tiu ĉi filmo estas la kvina en kiu Esperanto iamaniere ludas rolon aŭ estas uzata kelkloke.

## *Arbetar Esperantisten*

***Laborista Esperantisto***

Lasta numero ricevita de tiu ĉi gazeto estas de Julio. Estas anoncita okazigi kongreson de la Sveda Laborista Asocio en Boras dum Septembro. Spite al la cirkonstancoj la Asocio daŭrigas labori.

Firinte redakton, alvenis n-ro 10, oktobro. La svedaj esperantistoj kuvaĝe persistas!

## Esperanto Angulo de Karpata Dimanĉo

En dulingva gazeto ukraina kaj hungara **Karpata Dimanĉo** aperas regule angulo en Esperanto, redaktita de Esperanto Kulturservo en Ungvar. Poŝtkesto c. 13.

## Helena Esperantisto

**Dumonata organo de Helena Esperantista Asocio**

En artikolo „Pri Esperanta Solidareco" en la Aŭgusta numero de tiu ĉi gazeto, D-ro Anakreon Stamatiadis, pioniro de nia movado skribas:

### Pri Esperanta solidareco

Ke la vera Esperanta afero, kiel ĝin proklamis la elpensinto mem de post ĝia apero en la mondo celas ion bona kaj homama, ion filantropia kaj civiliziga, nenia saĝe kaj prudente pensanta homo povas nei. Ke la Lingvo Internacia estas utila, kiel bazo por la postaj lingvostudoj de la junularo, tiel por la fremdaj lingvoj, kiel por la gepatra lingvo mem, nenia dubo. Ke Esperanto faciligas la interrilatojn inter diverslingvaj nacioj, ke ĝi altgrade helpas la vojaĝantojn, la komercistojn, la turistojn eĉ la scienculojn, estas nepridiskutebla fakto. Sed tio, kion, laŭ ni, oni ne reliefigis sufiĉe pri la Esperanta afero, krom ĝiaj nediskuteblaj meritoj, estas la aplikata Esperantista solidareco inter samideanoj ĝenerale kaj ĝiaj feliĉaj rezultoj. Mil faktoj atestas ĉiutage tiun ĉi solidarecon kaj ni tute ne intencas kompreneble mencii ĉi tie nombron da ili, ĉar por fari tion ni devus plenigi ne nur ĉiujn paĝojn de nia modesta periodajo, sed dikajn multpaĝajn volumojn. Tiu ĉi solidareco aplikiĝas ne nur inter diversnaciaj Esperantistoj, sed ankoraŭ kaj precipe inter samnaciaj samideanoj; kaj ĉar el tiuj ĉi lastaj, multaj apartenas ankaŭ al diversaj aliaj ideologiaj organizoj, okazas ofte, ke interhelpo inter iliaj geanoj atingas efektivan subtenon kun plej ofte laŭdindaj kaj sukcesaj rezultatoj. Jam en la antaŭa numero de nia periodajo ni priskribis helenlingve pri gravaj servoj faritaj al Helenaj elmigrintoj en Brazilo de S-ro Ism. Gomes Braga de Brazilo (kies simpatian bildon ni publikigis), kaj de lia karmemora onklo Av. Gomes, de Argentino. Lastatempe pro la malfacila vivo, kiu rezultis el la nunaj militaj cirkonstancoj, niaj ĉi tieaj Organizoj havis tre ofte la okazon diversmaniere helpi senokupajn enlandajn geesperantistojn por trovi al ili oficon aŭ laboron.

La antaŭcititaj argumentoj pri helpemo kaj oferemo kon-

dukas nin al la konkludo, ke la vivo de supera ideologio, kiel la nia, ne devas haltiĝi pro militaj cirkonstancoj, kiel la nunaj, sed kontraŭe, ĝi devas kiel eble plej senĉese evoluiĝi kaj disvastiĝi ĉiulanden. Tia daŭrigo konsistigos la evidentan pruvon pri la vivipovo kaj vivemeco de ideologio, kiun profundkore sentas ĉiuj sinceraj Esperantistoj. Certe ni ne subtaksigas la eksterordinaran uraganon, kiu furiozas ĉirkaŭ nin kaj en la malproksimecon kaj kiu certagrade, ni konfesas, influas malfavore sur nian aferon, sed okazas por altaj idealoj kaj principoj ekzakte, kiel okazas pri nacioj: ĝiaj batalantoj devas neniam cedi, sed persistante ili devas: aŭ insisti al la batalo ĝis la venko aŭ malaperi por ĉiam el la suprajo de la tero!"

*

La 9-a Helena E kongreso okazis dum Junio en la marbordurbo Paleon Faliron. Ĉeestis provincaj samideanoj el Ateno kaj el la provinco.

*

Aliaj gazetoj ricevitaj: **The British Esperantist** (Aprilo — Majo); El Meksiko: **Renovigo** (Aŭgusto); **Comprendre**, Bulleti[n] Mensuel du Cercle Esperantiste Universitaire, Lyon, (Septembro)

## International Auxiliary Language Association Jara raporto 1939.

Tiu ĉi raporto, verkita angle atingis nin dum Majo 194[0] pruvo pri la malrapideco de poŝta komuniko kun Usono. Inter variaj detaloj de tiu ĉi 20 paĝa raporto ni sciiĝas pri la uzo de Esperanto en la eksperimento pri instruado de fremdaj lingvoj kiel peradilo por montri la rilatojn inter la ĉefaj lingvoj.

Alia atentinda detalo estas la financoj. Ni eŭropanoj rigardas kun envio kiom da rimedoj troviĝas en Usono por tiaj nu[n] sciencaj eserĉoj. Kiel enspezoj por la jaro estas notita 28 46[...] kaj elspezoj 32 509 Dolaroj. Dezirinde estus, ke IALA atentu p[li] amplekse la faktojn en la praktika uzado de Esperanto, faktoj[n] ignoreblaj kiam ia aŭtoritato supera tutmonda, ree ekzamenos [la] problemon de la internacia lingvo.

# Niaj Mortintoj

Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.

Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj en la pasintaj monatoj, aro da komunikoj atingis nin malfrue.

**Sinjoro Prof. D-ro Vladimir von Köppen**, nestoro inter la meteorologoj kaj klimatologoj, 94 jara en Graz (Aŭgusto 1940). Filo de la rusa etnologo P. J. von Köppen, li naskiĝis 1846 en Peterburgo, kie li komencis sian riĉan fruktodonan karieron. De 1875 ĝis 1918 li apartenis al la Germana Marobservejo en Hamburg (Deutsche Seewarte) kaj redaktis de 1884 ĝis 1891 la germanan Meteorologian Revuon kaj de 1892 ĝis 1894 la „Annalojn de l' Hidrografio kaj mara Meteorologio". Korifeo en tiu ĉi scienco Köppen grade influis kaj akcelis ĝin precipe per praktikaj provoj. Dum la lastaj jardekoj li ĉefe sin dediĉis al la klimatologio, pri kiu li publikigis aron da verkoj. Lian meriton honoris la Gvidanto de Germanujo per la transdono de la Blazonŝildo de l' Imperio.

Profesoro Köppen estis Esperantisto kaj kunlaboris al la estinta „Scienca Revuo", eldonita de René de Saussure. Li verkis aron da artikoloj sciencaj el kiuj aperis aparte **„Fonetika skizo de kvar ĉefaj lingvoj Eŭropaj"** kaj **„Propono esprimi ĉiujn mezurojn de premo atmosfera per ĝeneralaj mezurunuoj de fortoj"**. Malnova ano de UEA (18274) li ankoraŭ rilatis kun la redakcio de nia gazeto en jaro 1934, sendinte valoregan artikolon sciencan **„Periodeco de la sociaj revolucioj"**, skribita per firma mano de viro en meza aĝo kaj neniel supozigante, ke estas preskaŭ naŭdekjarulo.

H. J.

**Sinjoro Dreves Uitterdiik**, Hilversum, Ned[er]lando. El la malmultaj s[...]igoj el Nederlando p[...] nia movado post la ok[u]pacio estas unu kiu ĉagr[e]nas multajn samideanoj[n]. Dreves Uitterdijk, la pi[o]niro de Esperanto en N[e]derlando ne estas plu. L[i] atingis 74 jarojn.



En li malaperas tipa f[i]guro de la unua epok[o] de Esperanto al kiu [li] aliĝis en 1898 kaj verk[is] la unuan lernolibron h[o]landon aperintan en 19[..]. Li fondis la gazeton „H[o]landa Pioniro" kiu ape[ris] de 1902 ĝis 1905. L[i] verkis vortarojn kaj ekzercarojn kaj ĉiel laboris sen[e]goisme por la ideo, oferinte liberan tempon kaj mono[n].

De 1905 li haltis iom en la agado sed repren[is] ĝin kun nova vigleco, kunhelpinte al la reaperint[a] Holanda Pioniro. Pleje konata en vastaj rondoj li f[a]riĝis per la libro „Longkrurulo", versoj kun desegn[a]ĵoj laŭ la stilo de la ĝeneva verkisto Toepffer.

Dreves Uitterdijk estis ano de la Lingva komi[]tato kaj sincera amiko de UEA kies Honora Membr[o] li estis. Dum Januaro 1940 sendinte donacon por help[o] al Familio Zamenhof, li aldonis sumon kun la rimark[o] **„Por UEA, ke ĝi povu labori kaj helpi"**.

**Sinjoro Aug. Biardoux**, instruisto, membro d[e] la Universitata Grupo Esperantista en Lyon, leŭtenant[o] en la 28-a R. T. T. ĉe la fronto. Davenescourt, Somm[e].

**Sinjoro E. G. Worthington**, en Southborne, 2[.] Marto 1940. Fratulo de BEA kaj malnova ano de UE[A] n-ro 18698 gis 1936, iama Delegito en Bournemouth

**Sinjoro H. Arnold,** ano de BEA kaj estinta ano de UEA no 40719 16 Februaro 1940 en Oxford.

**Sinjoro Vilmos Bleier,** 16-an ed Junio 1940 en Parizo.



Hur nun, la 24-an de Oktobro, ni sciiĝis pere de samideano Nicolas Dènes pri la forpaso de la bonkonata redaktoro de „Literatura Mondo."

Tro konata estis lia agado kiel iniciatinto de l' eldono de bonstilaj kaj belaspektaj verkoj, ke oni devus ankoraŭ speciale mencii tion.

La lasta verko kiu eliris sub firmo de Literatura Mondo, estis Svisa Antologio, kiu daŭrigis la serion de la Hun-ra kaj Ĉeĥoslovaka kaj kiu estis la 79-a libro eldonita e Sinjoro Bleier dum daŭro de ok jaroj. Lian persoon plej bone karakterizas jena rimportreto de Kalocsay:

| | |
|---|---|
| **LEIER—la korespond-uzino,** | **En valorpezo, prezkombino** |
| **rodukto: tricent tujo jare.** | **li trafas ĉiam senerare.** |
| **ereno—tuta mond' senbaro,** | **BLEIER—la korespond-uzino** |
| **rvoro, lerto kaj rutino.** | **Produkto: tricent tunoj jare,** |

**De mondofin' ĝis mondofin'**
**Li manuskriptojn serĉas flare**
**Kaj ilin kaptas, ĵetas are**
**En faŭkon de kompostmaŝino.**

**BLEIER — la korespond-uzino.**

(Ni revenos pri la forpaso de tiu ĉi samideano postkiam ni havos precizajn informojn. Red.)

**Sinjoro Fritz Müller,** apotekisto, Julio 1940. Fidela ano no. 8391 de la komenco de UEA kaj Delegito en Cortaillod, Svislando.

**Sinjoro René Deshays,** 71 jaraĝa, 29 Aŭgusto 1940 en Carpentras, Vaucluse. Agregaciulo de la Franca Universitato, emerita licea profesoro, bonkonata malnova esperantisto. Jam en 1903 gvidis kurson en Chaumont kie li deĵoris kiel profesoro. Verkinto de poeziaĵoj kaj kompilinto de muzikaĵoj (Juneco, Himno al Zamenhof), li haromoniigis la poemon **La vojo,** kantita unuan fojon de Sinjorino Mudie dum la unua kongreso en Bulonjo s. M. Gvidinto de multaj kursoj li verkis el propra sperto lernolibrojn (Kompleta kurso por kleruloj, kaj alian elementan) Kunlaboris al multaj gazetoj, eldoninto kaj redaktinto de **Libera penso.** Dum la du lastaj vivjaroj li tradukis serion de 20 ĉapitroj pri „Filozofiaj pensoj". Kelkajn tagojn antaŭ la morto li tradukis kune kun blinda amiko la „Pensojn" de Vauvenargues.

Malnova ano de UEA kaj estinta Delegito li alte ŝatis la internacian laboron de l'Asocio.

**Sinjoro Eduard Caburet,** 70 jaraĝa, Geneve, 24 Novembro 1940 oficisto dum la unua tempo ĉe la C. O. de UEA en la tempo kiam Sinjoro Ed. Stettler laboris daŭre en Genève. Sindona samideano kiu izole instruis la lingvon kaj formis novajn esperantistojn.

*

**Sinojro Anton Waltisbühl,** 81 jaraĝa, konata negocisto pri oficejaĵoj en Zürich, 15 Novembro 1940 en Morcote, Tiĉino. Volapükisto, Esperantisto, idisto, S-ro A. W. ludis iam rolon en la movado, precipe dum la tempo de l'skismo.

## Universala Esperanto-Asocio

Palais Wilson, Genève, Svislando

1940 Oficiala Informilo N-ro 6

**Komitato de UEA.** — Ĝi konsistas nun el 14 anoj el kiuj, sekve de la militaj okazintaĵoj, deko estas atingebla kun pli aŭ malpli da reguleco. Por ke la sudaj landoj havu reprezentanton en la Komitato, tiu ĉi alelektis Sinjoron Bernardino Martins d'Almeida(Luzo Bemaldo)en Lisboa kiel novan anon. La Komitato konsistas nun el jenaj membroj: S-roj Atanasov, Baghy, D'Almaida, Chagnoux, Dubin, Klajiĉ, Kürsteiner, Richez, Rosen, Setälä, kaj Thomson.

Komitatanoj ne atingeblaj nun: Czubrynski, F-ino Dresen, kaj Sklenĉka.

**Agado 1941.** — La Komitato estis informita per detala raporto pri la decido de la Estraro ne fermi la oficejon. La necesa helpo estas konsentata el la kapitalo. La Administranto de UEA klopodas aperigi la gazeton Esperanto, minimume sesfoje dum la jaro kaj se eble aperos suplemento al la 1940-a jarlibro. La Centra Oficejo estas je la dispono de la samideanoj por peradi korespondaĵojn kaj objektojn. Ĝi plie daŭrigas sian helpagadon favore de samideanoj en mizero.

**Presado de Esperanto.** — Por eluzi favoran oferton de samideano-presisto en Bulgario, Esperanto estas presata en Sevlievo kaj parte ekspedata de tiu ĉi loko al la abonantoj. Por certaj landoj la forsendo okazas de Genève, kien oni daŭrigu sendi ĉion rilate je la redakcio kaj administrado.

### La premiaro dum 1941

1) **Premion de frupago** rajtas elekti ĉiu malnova ano kiu pagis sian kotizon ĝis plej malfrue 30 Aprilo 1941 (por la jaro 1941).

2) **Premion** rajtas elekti ĉiu nova ano dum daŭro de l'administra jaro 1940, ĝis 31 Decembro 1941.

3) **Premion** de varbado rajtas ĉiu persono kiu varbis novan anon al la Asocio, dum la kuranta administra jaro.

4) **Premion de Subtenanto** rajtas ĉiu persono kiu pagis tiun ĉi kotizon. Subtenanto frupaginta rajtas plie la premion de frupago.

5) **Premion** tuj postulu. Ne atendu monaton aŭ eĉ jaron. Uzu vian rajton. Konsilinde estas indiki alian premion, se okaze elektita libro elĉerpiĝis.

6) **Premion** ĉiam kaj senescepte indiku al tiu, al kiu vi pagas vian kotizon.

7) **Premion** laŭ listo 1941 rajtas: Membro kun Jarlibro unu numeron, Membro-Abonanto du. Ĉiam indiku tuj pliajn premiojn, se okaze unue elektita jam elĉerpiĝis. (Litero B = bind; Br. = broŝurita).

**Sveda teritorio.*** — Por intensigi la varbadon por UEA kaj faciligi la rilatojn inter la amikoj de UEA en Svedlando kun la Centra Oficejo en Genève, prezidanto de UEA, aŭdinte la Direktoron restarigis la teritorian organizon de UEA, konforme al la statuto. Li nomis kiel ĉefdelegiton, Sinjoron ĈD: Einar Adamson, 18 Värmlandsgatan, Göteborg. Poŝtĉekonto 44381 Bokförlaget Kosmos Göteborg, por UEA kaj akceptas la kotizojn kaj administras la aferojn de UEA en tiu ĉi teritorio. Kotizoj kaj abonoj povas de nun esti pagataj al li, uzante la poŝtĉekon Kosmos (por Universala Esperanto-Asocio) Konto n-ro 44381 Göteborg.

## Bibliografio

**Nia helplaboro en Hispanujo. Savado de la infanoj** Eldonita de Internacionalo de Militrezistintoj, 11 Abbey Road, Enfield, Middlesex. 21 × 14 cm, 12 paĝoj.

Broŝuro kiu informas pri la kreo de infanhejmoj en trankvilaj lokoj kaj pri disdonado de lakto, biskvito kaj nutraĵoj al senkulpaj viktimoj, la infanoj.

*

**Fenestro al la mondo.** Elekto kaj bulgarlingva traduko de Esperantistaj leteroj el diversaj landoj kun ilustraĵoj kaj klarigaj notoj. (En bulgara lingvo) — 18 × 12 cm, 64 p. Biblioteko Verda Stelo, No. 2 Sevlievo 1940.

*

Nikolaj Rajnov: **Batalo.** Rakontoj. El bulgara lingvo tradukis At. Nikolov, 15 × 10 cm, 36 p. Prezo 1 resp. kupono. Eldonejo „Frateco", Sevlievo 1940.

*

**Plena malkaŝo de Japana Ambicio.** Mesaĝoj de la generalisimo Teksto de Wang-Japana Interkonsento. Eldonis Heroldo de Ĉinio, Chungking 1940. 18 × 13 cm. 32 paĝoj.

*

At. Nikolov: **Plena Esperanto Bulgara Vortaro.** Reviziis: Emil Stratev kaj Ivan Sarafov. — 17 × 12 cm, 488 p. Presis Libroprejo „Frateco" (Bratstvo) en Sevlievo, Bulgario. Prezo: 80 levoj = Frk. sv. 4 — (1940).

La bulgaraj samideanoj plezure akceptos tiun ĉi novan vortaron. kompilitan tre zorge laŭ lastaj fontoj. Jam aperis kelkaj vortaroj, kiuj supozeble elĉerpiĝis. La nuna prezentiĝas tre bone kaj laŭ preso kaj formato inde aldoniĝas al la similaj en franca kaj germana lingvoj.

Detala recenzo aperos en la venonta numero de Esperanto, la recenzisto ne povis liveri la tekston je la fiksita dato (15-de Oktobro).

# Premioj de UEA dum 1941

1. **E. de Amicis:** Kverko kaj floro. Dunant: Rememoro pri Solferino. Internaciajoj .En unu volumo
2. **Paul Spaak:** Kaatje. Kvarakta teatrajo. B.
3. **Shakespeare:** Makbeto. B.
4. **Tristan Bernard:** Angla lingvo sen profesoro. Komedio. B.
5. **Fr. Schiller:** Wilhelm Tell. B.
6. **Krishnamurti:** Ĉe la piedoj de la Majstro. B.
7. **M Wolf:** Patreco. Kvarakta socia dramo Br.
8. **H. Hertz:** Jolanto, la filino de l' Reĝo Renato Br.
9. X. X. X. Sherlock Holmes en servo de la hispana trono. Br.
10. **Charles Dickens:** Bardell kontraŭ Pickwick. B.
11. **Orzeszko:** La Interrompita kanto. Trad. Kabe. B.
12. **Gogol:** La Revizoro. B.
13. **Fruictier & Lengyel:** Literatura Biblioteko. B.
14. **Adria Gual:** Mistero de doloro. Dramo. Br.
15. **Kabe:** Vortaro de Esperanto. B.
16. **Racine:** Athaljo. Tragedio. B.
17. **Shakespeare:** Kiel plaĉas al vi. B.
18. **Mazzini:** Devoj de la homo. Br.
19. *** Orienta Almanako. Br.
20. **Porchat J. J.:** Sub la neĝo. Br.
21. **Schiller:** La nevo kiel onklo. Komedio Br.
22. **Swedenborg:** La dogmaro pri la vivo. B.
23. **Mirbeau** Ili estas frenezaj. Andrejev Ruĝa rido. B.
24. **Bilz:** Oraj reguloj por la vivado Br.
25. **Malnovaj paĝoj:** el Lingvo Internacia. Br.
26. **Lord Byron:** Ĉielo kaj tero Br
27. **Strindberg:** Fraŭlino Julie. Tragedio. Br.
28. **W. Bayle Bernard:** Lia lasta ŝanco. Br.
29. **Conscience:** Blinda Rozo. Br.
30. **Fruictier:** Esperanta Sintakso. Br.
31. *** La Vendreda Klubo. II div. artikoloj. Br.
32. **Charles Richet:** Sokrato Br.
33. **Fruictier:** Kompleta gramatiko kaj Vortfarado. Br.
34. **Tolstoj A.:** Princo Serebrjanij. Br.
35. **Ramuz:** Aline. B.
36. **Racine:** Estero. Athaljo. (Unu volumo) B.
37. **Carroll:** La Aventuroj de Alicio en Mirlando. B.
38. **Esp. Prozajo:** Fabeloj noveloj, skizoj. B.
39. **Shakespeare:** La venecia komercisto. B.
40. **Tatterley:** La Historio de mortinto. B.
41. **Goldsmith:** Ŝi kliniĝas por venki. Komedio. B.
42. **Shakespeare:** La Ventego. B.
43. **Shakespeare:** Julio Cezaro. Tragedio. B.
44. **En Svislando**. Kvin rakontoj. B.
45. **LINGVO INTERNACIA**. Literatura Aldono. B
46. **Kelkaj Floroj** Esperantaj. Legajoj. B.
47. **Fratoj Grimm:** Elektitaj Fabeloj Br.
48. **Bulgara Antologio**. Br.
49. **Pola Antologio**. Br.
50. **Conscience:** Blinda Rozo. Br.
51. **Hebbel:** Gyges kaj lia ringo. Br.
52. **Lessing:** Natan la saĝulo. Br.
53. **Esperantaj prozajoj**. Fabeloj, noveloj, skizoj. B.
54. **L. Dalsace:** Fatala ŝuldo. Br.
55. **Kivi A.** La botistoj. La Fianĉiĝo. Lea. Du vol. Br.
56. **Ivan H. Krestanov:** El la proksima orienta. Br.
57. **Paul Boulet:** Du mil novaj vortoj. Br.
58. **Hebbel:** Minna de Barnhelm. Komedio. Br.
59. **Kabe:** Unua legolibro. Br.
60. **Andersen:** Bildolibro sen bildoj. Tolstoj: Tri Rakontoj. Br.
61. **H. Heine:** Atta Troll. Kart.
62. **Lejzerowicz:** El la verda biblio. B.
63. La verda gvidlibro: Milano kaj lagoj de Lombardio. B.
64. **J. Wolski:** Ĉu ĝi estas nur fabelo? Kooperativa romano. Br.
65. **R. Schwartz:** Prozo ridetanta. Br.
66. Esp. Biblioteko Internacia: kvin volumetoj kune. B.
67. Esp. Biblioteko Internacia: kvin volumetoj kune. B.
68. La Tria. Notoj pri la Tria kongreso. Br.
69. **Mazuranic:** La morto de Smail Aga Ĉengijic. B.
70. **Edmond Privat:** Historio de Esperanto. 1887-1900. Kart.
71. **Voltaire:** Kandid aŭ la optimismo. Br.
72. **Penndorf:** Grekaj papirusoj: Van Eeden: La malgranda Johano. Du volumoj el Biblioteko Tutmenda Br.
73. **Baudouin:** La arto de Memdisciplino. Karinthy: Norda Vento. Merimée: Mateo Falcone. Tri volumoj el Biblioteko Tutmonda. Br.
74. **Bratescu —Voinesti:** Niĉjo Mensogulo **Van Eeden** La Malgranda Johano. Du volumoj el Biblioteko Tutmonda.
75. La vojaĝoj kaj aventuroj de Barono Münchhausen. Karinthy: Norda Vento. — Du volumoj el Tutmond Biblioteko.
76. Elementa Fotografa Optiko. Iniciado matematika. Du sciencaj broŝuroj.
77. **H. Drummond:** Kvin paroladoj. (Kristanismo) Br.
78. Floretoj. Porinfanaj rakontoj. Br.
79. **Aymonier:** Une langue vivante artificielle. Br.
80. **B. Kotzin:** Historio kaj teorio de Ido. Detala studo. Br.
81. **Ivan H. Krestanov:** Bulgara Lando kaj popolo. Br. Detala studo kun etnografia karto.
82. **Julio Baghy** La vagabondo kantas. Petöfi: Johana la brava.
83. **Slowacki** Mazepa. Tragedio (trad. Grabowski) Br.
84. **Migliorini:** Esperanta Legolibro. Br.
85. ZAMENHOFA Legolibro. M. Kidosaki:
86. **Italo Toscani:** Rakontoj por geknaboj Br.
87. La floretoj de S-ta Francisko. Trad. Pizzi. Br.
88. **Julio Baghy:** Viktimoj. Br.
89. **S. Grenkamp:** Ĉu vi aŭdis tion? Anekdotoj. Br.
90. **Takeo Arišima:** Senbedaŭre amo rabas. Br.
91. **Lagerlöf:** La junulino de Stormyr. Br.
92. **Lagerlöf:** La mono de Sinjoro Arne. Br.
93. **Sinha:** Bengalaj fabeloj. Br.
94. **Charles Richet:** Sokrato. Tragedio. Br.
95. **Fruictier:** Kompleta gramatiko kaj vortfarado. Br.
96. Kvin volumetoj el Esperanta Biblioteko Internacia: Nordgermanaj rakontoj (La Instituto Milner) (Reaperantoj) (Sinjoro Herkules) (El Komedioj Br.
97. D-ro Javal: Inter Blinduloj. Br.
98. Lessing: Minna de Barnhelm. Br.
99. V. Bredel: Maŝinfabriko N. & K.
100. Tri broŝuroj: Dreyfus: La vangfrapo (komedio), Bilhaud: Solo de fluto (monologo) Turgenev: Versajoj en prozo. trad. Kabe.
101. Molière: Georgo Dandis. Komedio. Br.
102. Penndorf: Grekaj papirusoj. Bratescu — Voinesti. Niĉjo Mensogulo. Du volumetoj de la Biblioteko Tutmonda.
103. Bossière: Snr la feliĉvojo. Br.
104. Radio por Esperantistoj. Teorio kaj praktiko de la senfadena telefonio kaj telegrafio. Br.
105. Vermandere: Fermortinta delsuno rakontita de li mem. Br
106. Storm: Imenlago. Br.
107. Tom Gallon: Tatterley, la historio de mortinto. Br.
108. Rolandkanto. Trad. D-ro Noël. Br.
109. Karinthy: Morgaŭ matene. Dramo. Br.
110. Madách: La Tragedio del' homo. Br.
111. Baghy: Migranta plumo. Br.
112. Vortoj de Profesoro Th. Cart. Br.
113. Frazlibro de la ĉiutaga vivo. (German. Esp.) Komercaj leteroj.
114. Racine; Esther. Tragedio. Br.
115. Suess: El „La vizaĝo de la tero". Esperanta psikistaro La tekniko de la termala kuracado en Aix les Bains. — Nova estonte reganta terapio de diabeto. 4 sciencaj broŝuroj.
116. Krestanov: Bulgara lando kaj popolo kaj El la proksima oriento. Du valoraj verkoj, iom uzitaj.
117. La vangfrapo. (Komedio) Improvizacio de Konrad (Mickiewicz) Grenkamp: Pensetoj. Perdita kaj retrovita. Cikado ĉe formikoj. (komedio) 5 broŝuroj.

118. Lessing: Natan la saĝulo. Drameca poemo. Kart.
119. B. de Saint — Pierre: Paŭlo kaj Virginio. Br.
120. Stephen: Fundamentoj de la kvakerismo. B.
121. Sesvolumetoj el Esp. Biblioteko Internacia: Instituto Milner: Konsiloj pri higieno. Noveletoj el. Nigra Arbaro. La regado de si mem per konscia aŭtosugesto. Fabeloj de Andersen. Ibsen Reaperantoj.
122. Musset: Sinjoro Vento kaj Sinjorino Pluvo. Br.
123. Intima Fraziludo Kartludo esp.
124. El Internacia Mondliteraturo: Turgenev: Elektitaj noveloj kaj Doroševič: Orientaj fabeloj. Br.
125. Libro de la kvina kongreso de Esperanto. 1909.
126. Swedenborg: La dogmaro pri la vivo. B.
127. Putnam & Bates: Princo Vanc. Paul Heye: Edziĝa festo en Capri. Br.
128. Šimunovič: Ano de l' ringludo: Takeo Arišima: Deklaracio. Du volumoj el Internacia Mondliteraturo.
129. Beaumarchais: La barbiro de Sevilla. Frenkel: Verdaj fajreroj. Bonsels: Ŝolandro. Tri broŝuroj.
130. Internacia Teatrajaro. Redaktis A. Kenngott.
131. Kongresa Jubilea Libro. (La arĝenta libro pri la kongresoj.)
132. Fratoj Grimm: Elektitaj Fabeloj. B.
133. Ŝalon-Alehem: Hebreaj rakontoj. Sienkiewicz: Ni sekvu lin. Devjatnin: Plena Verkaro. Tria volumo. (Tri broŝuroj.
134. Diversajoj. Rakontoj. Molière: L' avarulo. Maistre: Vojaĝo interne de mia ĉambro.
135. Tri volumetoj el Dek cenda dibliioteko: 1. La fantoma edzino. 2. Rübezehl. 3 Usono.
136. Karinthy: Vojaĝo en Farmidon. Du ŝipoj. Br.
137 Lu Ŝin: La vera historio de A. h. Q. El ĉina lingvo B.
138. Internacia Legolibro 124 p. Br.
139. Laŭroj. Kolekto de originalaj verkoj premiitaj en la Unua Literatura Konkurso de LA REVUO: Br.
140. Svjentohovski: Aspazio. Tragedio. Br.
141. Tri unuaktaj komedioj. Br. La fianĉinigo de sovaĝulineto Triakta komedio. Br.
142. Remarque: En Okcidento nenio nova. Br. (lom difekta ekstere.)
143. Tennyson: In Memoriam. Br. Gvinevero kaj aliaj poemoj. Br.
144. Komercaj leteroj (Berthelo, Lambert) Br. Kurso Tut monda de la Lingvo Esperanto, laŭ natura metodo Br.
145. Kvin broŝuroj: Kial ili estas famaj? Daudet: La kaprino de S-ro Seguin. Trafendita turo. — Advokato Patelin (Komedio La vangfrapo. (Komedio.)
146. Shakespeare: Julio Cezaro. B.
147. Multiplika tabelaro. 2 x 1 ĝis 150 100. B. Kompleta traktado pri la prepozicioj kaj pri la akuzativo. Br.
148. Devjatnin: Plena verkaro, tria volumo. Br. Aldono al la Dua Libro de l' Lingvo Internacia. Br. (Fotoreproduktajo)
149. Majakovskij: Per voĉo plena. Poemoj Jaume Grau Casaš: La lasta poemo. Br.
150. Litova Almanako. 280 p.
151. Balzac: La firmao de la kato kiu pilkludas: Bonsels Solandro. Br.
152. Vortoj de Kamarado. E. Lanti. 190 p. Kart.
153. Kolekto de katolikaj libretoj: Preĝareto. Kristo kaj la Ligo de Nacioj Esperadona Islando. Graco atendanta. Tarcizio. Klari, romano 136 p.
154. Ismael Gomez Braga: Veterano Br.
155. Ilustritaj rakontetoj. Internacia Dialogaro. Ĉiutaga vivo. Tri broŝuroj.
156. Norda literaturo. Kolekto de literaturaj verkoj el Norda Eŭropo, Vol. I kaj II 160. p.
157. Bredel: Maŝinfabriko N & K. Romano el ĉiutaga laborista vivo 180 p. — Erdberg: Ĉinaj noveloj. 72 p. — Br.
158. Avila. Priskribo de fama urbo hispana (ilustrita) = L. Krysta: Marionetaj ludoj. — Pri la prononcado de Esperanto.
159. Ses numeroj el Esp. Biblioteko Internacia: La Instituto Milner, Komerca Korespondo. Nordgermanaj rakontoj. Konsiloj pri higieno. Ibsen: Reaperantoj (kompleta). Legolibreto.
160. Hector Hodler, biografio kun serio de liaj artikoloj, Universala Esperanto Asocio en la juĝo de la esperantisto, Historia skizo 1908 — 1933 pri UEA. Tri valoraj verkoj. Br.
161. Kroataj poeziajoj, kun literatuhistoria enkonduko. Br. Šimunovič: Ano de l' ringludo, el kroata literaturo.
162. Ignat Hermann; Fokso Nukso. Memorinda, instrua kaj averta rakonto B.
163. G. Eekhoud: Servokapabla, Marcus Tyhout. — Verdaj fajreroj, kolekto de versajoj. Br.
164. De Segur: Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj. 210 p. Br.
165. K. R. La reĝo Judea. Dramo en kvar aktoj kaj kvin bildoj. Trad. Devjatnin. B.
166. Stan. Kamaryt: Filozofia Vortaro. B.
167. Kolekto de diversaj libretoj kelkpaĝaj, kunbinditaj en kvin kajero: Ofero de monaho, La Puntistino, Libro de Kanto. (Heine) Esp. Perleroj k. a.
168. Vilhém Verner: Homoj sur flosglacio. Komedio en tri aktoj B.
169. Irving: El la skizlibro. Bertarana: Barbaraj prozajoj Br.
170. Orzeszko: La interrompita Kanto (trad. Kabe, Molière. La malsanulo pro imago. (trad Velten) Dua legolibro, komp
171. Pol-Pomeranio. Informa broŝuro pri la situacio de Okcidenta Polujo (Pola vidpunkto) Br.
172. Kolekto de kvindek belaj turismaj presajoj en Esperanto
183. Linnankoski: Batalo pri la domo Heikkilä. — Kivi: La fianĉiĝo. Lea. Du finnaj verkistoj Br.
174. Strindberg: Pario — (Unu akto). Van Stipriaan Luiscius: Karaktero. — Bonsels: Ŝolandro. Tri broŝuroj.
175. Raimund: La malŝparulo. Sorĉfabelo Bonsles: Solando. Br.
176. Kvar diversaj kajeroj: Nothnagel: La Mortado (scienca verketo) Lansel: La Retoromanĉoj (etnogratia studo) Teo Jung: La alta kanto de la amo, Jaume Grau Casas: Novaj amaj poemoj
177. Carlo Goldoni: Kurioza okazajo. komedio. Modrijan Elementoj latinaj en Esperanto. Grenkamp: Pola folkloro kaj popolkanto.
178 Gvidlibro pri Venecio, 142 p., kun mapo; Moravikarsto: (Grotoj moraviaj) Italaj arboj: Montecatini. Tri interesa gvidlibroj Br.
179. E. Drezen: Skizoj pri teorio de Esperanto. 2. Pri problemo de internaciigo de scienca-teknika terminaro. 3. Analiza historio de la Esperanto-Movado. Tri valoraj kaieroj, kune 250 paĝoj da teksto. Br.
180. Petro Den: Kiel fariĝi kreanto facile kaj rapide. B

## Escepta Premio por Membroj en Svedujo kaj Svislando

**Membro - Abonantoj en la du cititaj landoj rajtas ankaŭ elekti unu premion laŭplaĉe el la tri sekvantaj:**

1. **KATALUNA ANTOLOGIO. Kvincentpaĝa verko. (Vendprezo 10 Frk. sv.)**
2. **La ŝlosilaro de Esperanto. Kolekto de ŝlosiloj en kvardek lingvoj (Germana kaj Ukraina mankas)**
3. **Du diskoj nerompeblaj. 1. Himno esperantista. Bildario el la opero. La sorĉa fluto de Mozart. 2. Ario de l'duko el opero Rigoletto (La donna è mobile)**

## Premioj al Subtenantoj

I. Kolekto de Antologioj, Belga, Bulgara, Hungara, Kataluna. Ĉiuj broŝuritaj. 1400 paĝoj da teksto.

II. Tri famaj militromanoj: Bertha von Suttner. For la armilojn (B.) Remarque: En okcidento nenion nova (bindita) La vojo returne (kart.)

III. Andreé: Per balono al la Poluso. 412 paĝoj. multaj ilustrajoj Bindita.

IV. B. Prus: La Faraono. El pola lingvo tradukis Kabe (Majstroverko tradukita de majstra stilisto) Lukse bindita 740 paĝoj.

V. D-ro L. L. Zamenhof; Tradukajoj de ĉefverkoj el tutmonda literaturo.

Hamleto: Ifigenio en Taŭrido: La Revizoro: La Rabistoj: La virineto de maro: Fabeloj de Andersen: Tria parto. Rabeno de Banaraĥo: La gimnazio: Marta: Georgo Dandin: Genezo: Br. 1350 paĝoj kune.

**VI.** H. W. Van Loon: Rigardu la teron. 450 p. Multaj ilustrajoj. Br.

**VII.** Kolekto de Teknikaj Vortaroj. Arkitektura (Azorin) Farmacia (Rousseau) Filozofia (Kamaryt) Jura (German Esp. de Liebeck), Komerca (Kreuz) Medicina (Briquet) Marista (Rollet de l'Isle) Muzika (de Ménil), Radio: (O. Ginz.)

**VIII.** Kolekto de dekses verkoj pri la reformo: La Vort-teorio de Esperanto (René de Saussure): Fundamentaj reguloj de la Vort-teorio en Esperanto. Historio kaj teorio de Ido (Kotzin); Pri reformoj en Esperanto (Artikoloj de D-ro Zamenhof) Kial Ido en la rolo de Internacia Lingvo ne povas superi la lingvon Esperanto? (Christaller); Bedarf Esperanto der Verbisserung? (Christaller); Fonetika litera (M. Verema) Pri Esperanto, diskutado pri kelkaj ŝanĝoj de Ido proponitaj (Aymonier) Teoria Ekzameno de la lingvo Esperanto (sistemo Antido 2.); Etude sur la dérivation en Esperanto (Couturat): Autour de l'Esperanto (Aymonier); La Construction logique des mots en Esperanto (Antido) La reformo justigata (Couturat); Faut-il reformer l'Esperanto (Kolowrat); Esperanto und seine Feinde; Esperanto und Ido (Theodor Fuchs).

**IX.** La Revuo. Internacia Monata literatura gazeto kun la konstanta kunlaborado de D-ro L. L. Zamenhof. Aperis de Septembro 1906 ĝis Julio 1914, entute 95 numeroj.

Amatoroj rajtas elekti kiel premion tri jarkolektojn laŭplaĉe kiel premion. Nebindita, sed solidaj kajeroj revuo formataj. Personoj dezirantaj kompletigi kolektojn povas informiĝi pri tiaj ĉe UEA, Bibliografia Servo, kiu disponas kelkcentojn da variaj numeroj.

**X. Kolekto de Vortaroj** Vortaro de Esperanto (Kabe) Vocabulaire Technique et Technologique Francais-Esperanto, (Verax). Naŭlingva Etimologia Leksikono (Bastien). Jura vortaro German — esp., Radio vortaro kvinlingva, Filozofia vortaro (Kamaryt). Arkitektura vortaro (Azorin) Komerca vortaro (Kreuz). Medicina vortaro (Briquet) plie du ekzempleroj de la sistemaj vortaroj Prof. Hecker, Esperanto Hispana kaj Esperanto Germana.

**XI.** Fabiola, rakonto pri la katakomboj, de Kardinalo Wiseman, 422 p., bindita. Jaĉjo Holm kaj liaj amikoj de Van de Hulst, 236 p., (bind) Dante Alighieri Infero 284 paĝoj.

**XII.** Antologioj Ĉeĥoslovaka, Kataluna kaj Svisa (la lasta bindita) belega premio 1500 paĝoj da teksto. Reala valoro sola de tiu ĉi premio estas 30 Frankoj sv.

**XIII.** L. L. Zamenhof: Originala Verkaro; Antaŭparoloj, gazetartikoloj, traktajoj, paroladoj, leteroj, poemoj. 604 paĝoj. Lukse bindita.

**XIV. Enciklopedio de Esperanto.** Bindita eldono, ilustrita. Oni rajtas elekti unu volumon de tiu ĉi verko, 1 aŭ 2. Personoj kiuj deziras akiri tuj la duan sin turnu al la C. O. de UEA.

## Esperantista interhelpo

Post la Franca katastrofo, nia oficejo ricevis nombron da helpopetoj el Francujo, ĉefe de rifuĝintoj belgaj kaj Francaj kaj de internigitoj, plejparte germanaj ekzilitoj. Temas pri esperantistoj. Nia servo klopodis helpi, kie tio estis ebla. La tre limigitaj rimedoj malfeliĉe ne permesas helpi tiom, kiom oni deziras.

Venis interalie petoj de esperantistoj internigitaj en okupita Francujo. La situacio kaj tiu de aliaj internigitoj estas plendinda, klarigebla el la terura stato de Francujo post la katastrofo. Mankas al ĉiuj malfeliĉuloj ĉio, vestajoj subvestajoj, kovriloj k. t. p.

Ni kopias el letero de internigito la jenon:

Diversnaciaj esperantistoj, jam dum 20 monatoj baptitoj en francaj koncentrejoj estos devigataj sin turni al la svisa esperantistaro. Gravega estas nia situacio kaj citante la kaŭzojn ni opinios ke vi certe komprenos nian suferadon.

Post malvenko de Katalunio duona miliono — da rifuĝintoj, soldatoj kaj civiluloj trapasis la francan laudlimon. Alveninte en Francio ni pligrand gis la nombron de politikaj rifuĝintoj en Francio.

En la koncentrejoj ekzistas multaj malfacilaĵoj. Sed fine ni sukcesis. Komencis funkcii la helpo de diversaj organizoj, kolektivaj kaj individuaj helpoj. Monsumoj vestaĵoj, manĝaĵoj estis kolektitaj por ni precipe en Francio sed ankaŭ en aliaj landoj. Ni povis komenci la plej urĝan laboron. Nia liberigo kaj elmigrado. La unuaj grave vunditaj kaj kelkaj aliaj estis liberigitaj. Unuaj klopodoj flanke de kelkaj registaroj: La registaro de Mexiko planis jam nian definitivan liberigon. Sed la eksplodo de la milito en Eŭropo interrompis la tiaspecajn klopodojn. Ĉiuj niaj interrilatoj kaj eb'ecoj ricevi helpon estis detruitaj. Nia vivo denove plimalboniĝis.

Post la Franca malvenko duoble pli grava estiĝis nia problemo. Plejgrandporte okupita Francio eĉ ne havos sufiĉe da nutraĵoj por siaj samlandanoj. En tiu ĉi decida situacio okazis la „Panamerika" konferenco dum kiu Meksika prezidanto Cardenas faris sian konatan proponon. Sed ekzistas multege da malfacilaĵoj por ricevi la necesajn ŝipojn. La Eŭropa milito fariĝis mondmilito kaj oni tute ne povos diri kiam nia liberigo efektiviĝos. Alvenas la dua vintro en la koncentrejo, niaj vestaĵoj jam ne estas pli ol ĉifonoj, nia manĝaĵo estas tute nesufiĉa (350 gramo. da pano kaj dufoje po tage legomsupo estas ĉio) eĉ ne pajlon ni havas por dormi; kuŝante sur la marborda sablo, kovrita kun flikita kovritaĉo ankoraŭ ekzistanta de Hispanio. Resume ni neplu estas homoj.

Urĝe ni bezonas helpon.

Kia maniere oni povas helpi? Multobligu tiu ĉi alvokon, dissendigu ĝin al viaj amikoj kaj esperantistoj grupoj, parolu en via esperanta grupo pri la suferantaj esperantistoj en la francaj koncentrejoj. Pensu ke vi havas ankoraŭ eblecon por helpi viajn malsategajn samideanojn en francaj koncentrejoj. Kolektu laŭ ebleco kelkajn frankojn kaj sendu. Eterne ni scios kio estas solidareco kaj interhelpo de esperantistoj.

Do, se vi, karaj geamikoj povas helpi, helpu rapide nia situacio estas ege grava.

Antaŭdankon kaj saluton al ĉiuj amikoj la esperantistoj diverslandaj de la Franca koncentrejo Argeles-sur-Mer.

Oktobro 1940.

La Esperantista Interhelpo, servo de UEA tuj entreprenis diversajn klopodojn, komencis kolekti monon kaj vestaĵojn. Subite, meze de Novembro okazis severa limigo de l'eksporto, ankaŭ de uzitaj vestaĵoj. La Interhelpo dume povis senai certan monsumon rezultato de kolekto inter ĝenevaj Esperantistoj. kun aldona helpo de UEA. La kondiĉoj ankaŭ en Svislando severiĝas kaj ekkomenciĝas manki multaj bezonaĵoj.

### Korespondado

S-ro **Georgi Ivanov Bliznaŝki**, gara Mezdra (Bulgarujo) progimnazia instruisto, kaj universitata edukito, deziras korespondadi nur kun seriozaj gesamideanoj el ĉiuj landoj pri pedagogio, sociologio, filozofio, politiko kaj lernejaj problemoj. Respondo certa kaj garantiata.

### Steno-kurso

S-ro **Bogomil Radoslavov**, selo Zlataritza (Elensko) Bulgario, fondinto de **Universala Esperanto-steno-korespondanta Universitato**, malfermas senpagan steno-kurson (trileciona) kaj aliajn kursojn. Ekinteresiĝu!

## La ŝlosilo de Esperanto

Albana
Angla
Araba
Baska
Bulgara
Ĉeĥa
Dana
Estona
Flandra
Franca
Hispana
Hungara
Irana
Islanda
Itala
Japana




Juda
Kroata
Latva
Litova
Malaja
Nederlanda
Norvega
Pola
Portugala
Romanĉa
Rumana
Rusa
Slovaka
Slovena
Sudafrika
Sveda

**en tridekdu lingvoj**

(Elĉerpiĝis laGermana la pola kaj la Ukraina) La ŝlosilo kostas po ekzemplero 15 centimoj sv. aŭ egalvaloro. Dekduo de sama lingvo 1·50 Fr. sv. kun sendo. (Kvin internaciaj respondkuponoj stampitaj maldekstre de la vendanta poŝtoficejo).

La tuta serio, prezentas bonan propagandilon en montrofenestro, kostas kun sendo 4 fr. sv. 14 respondkuponoj anstataŭ 5 frk. Mendu ĉe Propaganda Servo de UEA, Palais Wilson, Genève.

### Scienca gazeto

estas aĉetabla la jenaj jarkolektoj
1932, 1933, 1934, 1935, 1936, 1937, 1938
por sekvanta prezo
0.25, 0·25, 0·25, 0·25, 0·25, 0·50, 0·50, 0·50
usona dolaro, la jarkolekto t. e. 3 resp. 6 respondkuponoj Amerika Esperanto Instituto, 1111 Brooke Rd., Rockford (Illinois) Usono

### Biografio pri D-ro Zamenhof

Joseph W. Dubin, 646 Westview Street, Philadelphia Pa., Usono laboras pri kompleta biografio de la majstro. Deziras legi ĉiun leteron aŭ skribaĵon ne publikigitajn de la majstro. Zorge resendos ĉiun sendotaĵon rekomendite kaj okaze de speciale valora peco rakompencon laŭ interkonsento. Kore petas la helpon de ĉiuj pioniroj per alsendo de personaj rememoroj pri D-ro L. L. Zamenhof. Antaŭdankas ĉiun helpon.

### Tabelo de enhavo de n-ro 486